XVIIa jaro. No 256 (12) ⁎ Monata ⁎ Decembro 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10. — Frankoj | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2. — Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Franko |
| Unu numero | 1. — Franko | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |

*Svisa poštĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## La 15 Decembro 1859

Je tiu dato naskiĝis Zamenhof en Bjalistok, kaj post kelkaj tagoj la Esperantistoj en la tuta mondo festos la sesdek-duan revenon de tiu jam fama tago. Estis tempo, antaŭ duoncent-jaro, kiam la 15 Decembron festis nur la malgranda rondo de la Zamenhofa familio. Ame lia patrino kisis la knabeton sur la frunto jam pensema. Humile kaŝata en la vasta homaro, nur ŝi sole, virino dolĉanima, sciis jam pri lia granda tasko.

Ne precize, sed per la nepra certeco de l' patrina korsento, ŝi antaŭvidis, ke la fileto iam helpos al homoj sur la tuta terglobo. Kun tia fido ŝi festis la 15 Decembron en la ligna domo Bjalistoka kaj poste en malluma strato Varsovia. Sur siaj genuoj ŝi tenis lian karan maneton. Ĉar tagon ili premis ĝin pliposte en kongreso, miloj da homoj ĉiulandaj sentas nun ion plibonan en sia vivo.

Mortis jam filo kaj patrino. Hodiaŭ multe pli vasta „rondo familia“ festas la datrevenon. Sed la spirito restu sama.

Ĉiuj sentas ke, tiun ĉi jaron, la solenaĵo fariĝos pli grava. En urboj kaj vilaĝoj de kvin kontinentoj la Esperantistoj kunvenos samtempe, samkore, samcele. Dank' al donaco de Prof. Roy marmoran tabulon ili fiksos al memoro de Zamenhof en Bjalistok sur la domon, kie li naskiĝis, en Ĝenevo sur la domon, kie li loĝis por ripozi post la Bulonja Kongreso. Ĉie niaj grupoj organizos monkolektojn por starigo de inda monumento en Varsovio.

Tiu vespero de komuna rememoro havos apartan signifon. Al la publiko la Esperantistoj klarigos la celon de Zamenhof. Al si mem ili relegos noblajn vortojn de la Majstro. Forgesante en tiu horo barilojn de gentoj kaj lingvoj, landlimoj kaj religioj, miloj da ili rediros samtempe la belan Preĝon sub la verda standardo kaj kantos unuvoĉe „la Esperon“. Ili sentos sin vere unu saman grandan familion kaj komprenos, ke la „interna ideo“ ne estas „malplenaĵo, imagaĵo de personoj nesciantaj pri sociaj demandoj“, kiel skribis iu nove bakita samideano, kiu dividas Esperantistojn inter „burĝoj“ kaj laboristoj.

Tia divido estas fantazia. La grandega plejmulto, preskaŭ la tuto de la Esperantistaro estas laboristoj, malriĉaj manpenantoj, oficistoj, instruistoj, kiuj malfacile gajnas ĉiutagan panon. Tion rimarkis ĉiuj eksteruloj eĉ en siaj raportoj pri niaj kongresoj. Inter ni, kapitalistaj espluatantoj kvazaŭ tute ne ekzistas, kaj eĉ riĉuloj estas treege malmultaj. Alie ni ne bezonus ĉiam plendi pri manko de monrimedoj. Kelkaj donacas al nia movado. Neniu profitas el ĝi. Esperantismo estas la malplej „burĝa“ movado el ĉiuj eblaj, sed ĝi staras ekster kaj super ĉiuj bataloj inter homoj, egale ĉu gentaj aŭ klasaj. Enkonduko de klasaj aŭ religiaj malamoj en niaj rangoj estus ne nur fantazie kontraŭnatura, sed abomena al la memoro de nia Majstro.

Nia movado neniel pretendas solvi la industrian problemon, sed tute alian. Ĉar neniu el ni oferdonus sian vivon nur por faciligi la korespondadon inter komercistoj, estas fakto, ke nin ĉiujn inspiras alta motivo, kiun ni ĉerpis el la penso de Zamenhof. Ĝi ne estas naiva imago, ke ĉiuj militoj ĉesos pro lernado de mondlingvo, sed sperto, ke Esperanto ebligas rektan interhelpadon kaj fratiĝon inter homoj ĉiadevenaj kaj ekkreas iom post iom tiun novan supernacian homarecon, kiun revis la plej progresemaj animoj el ĉiuj popoloj kaj enskribis sur sian programon ĉiuj laboristaj organizoj.

Ni do konservu kaj eĉ propagandu niajn ideojn pri socia reorganizo, pri materia rekonstruo, pri tiu aŭ alia scienca teorio, sed ni ne postulu de Esperantismo, ke ĝi solvu ĉion kaj ni ne kreu malamikojn sub la verda standardo. Estu jam granda ĝojo, ke ni povas kunlabori kun tiom multaj bonvolantoj pri unu punkto de la homa progresado, nome la supernacia spirito, nepre necesa al savo de l' mondo. Same kiel la ruĝa-kruco aŭ tutmonda helpmovado al malsataj infanoj, la verda stelo de Zamenhof konas nek Francojn, nek Turkojn, nek burĝojn, nek revolucianojn, nek budhanojn, nek kristanojn, ĝi konas nur *homojn*.

En tia senco ni kunfestos la 15 Decembron, la naskiĝon de l' granda homarano Zamenhof. *Edmond Privat.*

# ESPERANTO ĈE LA LIGO DE NACIOJ

## Internacia Labora Konferenco

### Sukcesa decido

Okazis en Ĝenevo dum novembro la IIIa Internacia Labora Konferenco, ĉe kiu estis parolataj, krom la oficialaj lingvoj de la Ligo de Nacioj, ankaŭ itala, japana, hispana kaj germana, ĉiufoje poste tradukataj france kaj angle. Ĉiuj partoprenantoj plendis pri la lingva malfacilaĵo. Kelkaj orienteŭropaj delegitaroj petis oficialigon de la germana lingvo kiel deviga por ĉiuj eldonaĵoj kaj raportoj de la Labora Oficejo. La afero estis varme diskutata kaj resendata al la Administra Estraro por plia ekzameno, ĉar la Hispanoj kaj la Slavoj postulis la samon por sia lingvo.

La tuta situacio fariĝis favora al Esperanto, kvankam la sama mallongvida ŝovinismo, kiu instigas ofte francajn oficialulojn kontraŭ nia lingvo ankaŭ ekkaptas iliajn germanajn simílulojn, kiam ili ekesperas sukceson de sia propra lingvo. Pli larĝkomprenaj estis S-ro Schinz, teknika konsilanto de la germana registara delegitaro, kaj S-ro Matsumoto, japana laborista delegito.

Nia plej kuraĝa kaj talenta defendanto estis tiun ĉi fojon la franca ĉefdelegito, S-ro parlamentano Justin Godard, jam multjara honora membro de UEA, kiu tre kore akceptis nian inviton, viziti nian Oficejon.

Al la Prezidanto de la Konferenco, UEA sendis salutan telegramon kaj, same kiel la Ruĝa-Kruco kaj D-ro Nansen pri helpo al Ruslando, proponis komisii reprezentanton por alparoli la delegitojn ian vesperon post la fino de kunsido.

Laŭ invito de la konferenca estraro, D-ro Privat tion faris france, angle kaj Esperante la 18 novembro je 6a ptm. Post laciga kunsidtago, nur malmultaj delegitoj ĉeestis, sed la prezidanto, Lord Burnham, diris tre favorajn vortojn kaj, laŭ la propono de S-ro Godard, li promesis enpresigi stenografan raporton de la parolado en la oficiala protokolaro. Ĝi aperis en la N-ro 24, de 19 novembro.

Dum interesa demandado kaj respondado ankaŭ intervenis idisto, franca stenografisto ĉe I. L. O., kiu ebligis utilan klarigon pri la vivanteco kaj lingva supereco de Esperanto.

* * *

S-roj Justin Godard kaj Matsumoto prezentis la sekvantan rezolucion al la Konferenco, kiu ĝin alprenis la 19 novembro:

„*La Tria Internacia Labora Konferenco, aprobante la iniciaton de la Administra Estraro de l' Internacia Labora Oficejo, eldoninta en Esperanto kelkajn dokumentojn de la Internacia Labora Oficejo, rekomendas al la Administra Estraro, ke ĝi uzu pli kaj pli vaste Esperanton, kiel praktikan rimedon por faciligi internaciajn rilatojn.*“

Tiu propono estis presita en la Oficiala Provizora Protokolo N-ro 13, 8 novembro 1921, kaj ekzamenita de la komisiono pri proponoj la 15 novembro. Laŭ la oficiala provizora protokolo N-ro 19, 15 novembro 1921, „la komisiono proponas transdoni tiun rezolucion al la Internacia Labora Oficejo konsiderante la antaŭan decidon de la Administra Estraro rilate al uzado de neoficialaj lingvoj por eldonaĵoj de la Internacia Labora Oficejo“. La 19 novembro en ĝenerala kunsido la Konferenco decidis tion per levo de manoj.

La aludita „antaŭa decido“ permesis al la direktoro de la Internacia Labora Oficejo uzi, krom la oficialaj lingvoj de la Ligo de Nacioj, franca kaj angla, ian alian lingvon, kiun li opinios utila. Efektive, de nun la Direktoro respondas en Esperanto al la leteroj ricevitaj en tiu lingvo.[1] UEA metis je lia dispono unu tagon ĉiusemajne Esperantistan sekretarion senpage, sed, jam post du semajnoj, kelkaj oficistoj de la Internacia Labora Oficejo lernis la lingvon kaj preparis la leterojn mem.

Do, laŭ la rekomendo de la Konferenco al la Internacia Labora Oficejo, la uzado de Esperanto devos nun esti plivastigata. Jam per la Delegitoj de UEA aperis artikoloj pri I. L. O. en 250 gazetoj el 20 landoj. Ni tre dankas al la sindonaj Delegitoj pro tiu tre utila servo, kiu efike helpis la sukceson de nia helplingvo. Nun la plej grava estas, ke la komencita korespondado daŭru kaj plifortiĝu. Ĉefe necesas, ke fakaj grupoj aŭ profesiaj reprezentantoj skribu al la Internacia Labora Oficejo (Bureau du Travail, Genève) por informi aŭ demandi pri laboraj kondiĉoj, interalie pri la sekvoj de la ĵusa Konferenco, kiu alprenis diversajn decidojn, kies publikigo en Esperanto estus tre dezirinda.

[1] En la komenco kelkaj Esp. leteroj estis respondataj france pro nepreteco de aranĝoj. Al Francoj tio estas ja natura, ĉar uzado de Esperanto inter samlingvanoj estas senutila komplikaĵo.

## Internacia Konferenco

### por la instruado de Esperanto en lernejoj

*Okazonta en la Palaco de la Ligo de Nacioj laŭ kunvoko de la Instituto J. J. Rousseau (Universitata Lernejo pri Eduka Scienco)*

**en Genève 18—21 aprilo 1921**

PROVIZORA PROGRAMO

1e Raportoj pri spertoj faritaj en lernejoj,
  *a)* unuagradaj,
  *b)* duagradaj,
  *c)* profesiaj, komercaj, k. t. p.

2e Valoro de Esperanto kiel logika preparo al studo de ceteraj lingvoj,
  *a)* gepatra,
  *b)* fremdaj,
  *c)* klasikaj.

3e Valoro de Esperanto rilate je socia kaj homara vidpunkto,
  *a)* intereso pri fremdaj popoloj,
  *b)* intereso pri paco kaj Ligo de Nacioj
  *c)* tuja uzado.

4e Organizado de la instruado,
  *a)* metodoj,
  *b)* lernotempo,
  *c)* internacia korespondado.

5e Oficiala enkonduko de Esperanto en lernejoj,
  *a)* projekto de interŝtata akordo submetota al Ligo de Nacioj,
  *b)* agado ĉe registaroj kaj parlamentoj.

Ni vokas al ĉiuj instruantoj de Esperanto en lernejoj kaj al ĉiuj spertuloj, ke ili anoncu sian partoprenon se eble antaŭ jarfino al Instituto J. J. Rousseau, Esperanto-Konferenco, Taconnerie 5, Genève.

Por la organiza Komitato:

*Prof. Pierre Bovet,* Direktoro de l'Instituto J. J. Rousseau.

*D-ro Edmond Privat,* Profesoro ĉe Instituto J. J. Rousseau.

*La financaj cirkonstancoj priparolitaj en la Dokumentaro de la Sepa Kongreso devigas nin ŝanĝi la presejon. Ni tion faras tre malvolonte, bedaŭrante sincere la forlason de firmo, kiu dum la daŭro de 8 jaroj zorgoplene presis „Esperanton“. Ni esprimas al la firmo Büchler & Ko. en Bern nian varman dankon, esperante reuzi ĝiajn servojn post plibonigo de la situacio.*

 LITERATURO 

# Nia konkurso

*El ĉiuj ricevitaj manuskriptoj je originala verkaĵo ni elektis la dek plej bonajn laŭ stila vidpunkto kaj donacos al la verkintoj senpagan abonon al „Esperanto“ dum 1922 kiel promesite. Tiujn dek manuskriptojn ni poste relegis ankoraŭ novan fojon por orda klasigo kaj elektis kvin, kiuj estos presataj en la gazeto. La nomoj de iliaj aŭtoroj aperas unue en la listo maldekstre.*

*Ni kore dankas al ĉiuj partoprenintoj en la konkurso pro ilia klopodo. Multaj bezonas ankoraŭ pliperfektiĝi en la uzado de nia lingvo per legado de bonaj verkoj, aŭtaŭ ĉio de la Zamenhofaj. Aliaj tre bone uzas la lingvon kaj eĉ verkis vere interesajn rakontojn pri moralaj aŭ sociaj temoj, sed tute ne en literatura formo. Eĉ kiam ni devis preferi aliajn manuskriptojn pro stilo kaj talento, estis ĝojo koni la intiman penson de sinceraj samideanoj, niaj gefratoj, kaj senti ilian koron batanta pro amo kaj efektiva kompreno al homoj malfeliĉaj.*

*Jen la nomaro de l' rekompencitaj verkintoj:*

*S-ro Gejzo Csikány* (Rumanio)
*S-ro Alexandra Mexin* (Ukrajnio)
*S-ro Karl Minor* (Germanio)
*S-ino N. Umanski* (Ruslando)
*S-ro Stevan Živanović* (Jugoslavio)
*F-ino Ida Brücker* (Germanio)
*Fratoj Fehtke* (Pollando)
*F-ino Helena Hempel* (Pollando)
*S-ro E. Janichowsky* (Supra Silezio)
*S-ro Marencsin Zoltán* (Hungario)

# Kontrastoj antaŭ Kristnasko

de **N. Umanski**

*Ĝenevo 1921.*

Vintro. Antaŭtago de Kristnasko. Malvarmege. Terure malvarmege. La ekspozicia fenestro de la granda spicejo kovriĝis je maldika glacia sternaĵo. Knabeto staras antaŭ ĝi kaj enrigardas soife... ĉar estas frandaĵoj ĉi tie; „ho, kiom, kiom! Kaj kiaj bongustaj bombonoj, sukeraj ludiloj, montoj da ĉokolado, biskvitoj, kiom, kiom!...“ Li ne sentas malvarmon tra la uzita jaketo kaj tratruitaj ŝuoj — ne malvarmon li sentas... Ĵaluze sekvas liaj grandaj okuloj la aĉetantojn interne en la spicejo. Jen malfermiĝis la enirpordo. Sinjorino kun knabeto eliras. Li estas en griza pelteto kun blanka ĉapelo kaj blankaj gantoj. Ili ambaŭ surŝarĝitaj estas de pakaĵoj. Veturilo haltas antaŭ la spicejo. La veturigisto helpas la sinjorinon kaj knabeton ensupreniĝi. Kaj ĉio: la veturilo, la sinjorino, la knabeto, la pakaĵoj — ĉio rapide malaperas. Staras ankoraŭ la infano ĉe la spicejo. Liaj okuloj plilarĝiĝis. Li nenion komprenas. „Kial?“

La kvara post noktomezo. El granda moda dancejo eliras paro: sinjoro zorge kovras per silka riĉe brodita mantelo la nudajn ŝultrojn de sinjorino. Ŝi kokete surmetas blankan luksan felaĵon: „Karulo, kiel laca mi estas! Tiel laca!...“ diras ŝi, sin apogante sur lia brako. Rapidege la veturilo forportas ilin ien... La kvara post noktomezo. Petrola lampeto lumigas malgrandan kuirejeton. Kun klinigita kapo kaj kurba dorso sidas antaŭ kudra maŝino juna virino. „Kiel laca mi estas! Sed ankoraŭ unu duonhoro, kaj mi ĝin finos, tiun kudraĵon, kaj matene mi ricevos kvin frankojn por ĝi. Ho, kiel laca mi estas! Tre laca!“ balbutas ŝi endormiĝante.

La kvara post tagmezo. Brueme eliras la infanoj el la lernejoj. Malrapide, lacege treniĝas la laboristoj de la unua laboristareto: iuj al hejmo, iuj al drinkejo.

Silente staras rango da geviroj palaj, eluzitaj per laboro kaj zorgoj, antaŭ la presejo de granda ĵurnalo: baldaŭ aperos ĝia tria eldono. Ĉaroj, bicikloj, sakoj estas pretaj por rapidege transporti la ĵurnalon al ĉiuj kvartaloj de la urbo.

Rango de aŭtomobiloj apud la granda kafejo, kie jam grincas la muziko, atendante la dancemulojn.

Aro de geviroj, infanoj, ĝendarmo, kuracisto... Akcidento. Laboristo falis teren, riparante la tegmenton de teatro.

„Akvon kaj panon! Grandan pecon da pano! donu al mi!“ diris sesjara knabineto maldika, pala. Ŝi entiris min per sia treege maldika maneto en la kuirejon, kie ŝi vidis panon sur la tablo.

„Sinjorino, senkulpigu tiun amerikaninon, ŝi tiel senĝena estas kun vi“, diris al mi malriĉe vestita virino, ankompaninte ŝin. „Ĉu tiu knabineto ne estas via infano? Kiel vi havigis al vi amerikaninon?“ demandis mi. — „Ŝia patrino, alveninte en Ĝenevo, mortis, kaj mi prenis tiun infanon ĉe mi.“ — „Do ĝi estas nun via adoptita filino, sola infano via, verŝajne.“ „Ne, ne sola. Mi havas naŭ“. — „Naŭ! Kaj vi ne timis pligrandigi la nombron de buŝoj ĉe vi?“ „Ne. Kie estas naŭ, troviĝos io por la deka.“ — Ameme ŝi ekrigardis la infanon kaj adiaŭis min.

Luksa aŭtomobilo senbrue rulas sur la strato. Sidas en ĝi kuracistino. Dumvoje ŝi tralegas la matenan ĵurnalon. Subite ŝi ekvidis min kaj haltas. „Kia mizero en Aŭstrio! Kiom da malsataj infanoj, georfoj! La koro premiĝas, legante tion“ diras ŝi. — „Sinjorino, baldaŭ alvenos la unua karavano de knaboj el Vieno — prenu do unu ĉe vi, estos kamarado por via Georgo“ — respondis mi. „Ho, ne, la ĉambro de Georgo estas plenigita de ludiloj, ne plu estos loko por dua lito. Krom tio, mia Georgo tre kapricema estas. Bedaŭrinde, alian ĉambron en mia vilao mi ne havas.“ — „Jes, jes, mi vin komprenas.“ — Kaj ni disiĝis.

# Beati possidentes

(Feliĉaj posedantoj)

de **Ferdinand von Saar**

*Feliĉaj vi estas, vi riĉuloj!*
*Ne ĉar la koro kontentiĝema*
*De l' malriĉul' vian oron sopirus,*
*Aŭ ĉar malsaĝe li opinius,*
*Ke vi ne devas pagi tributon suferan,*
*Kiun sorto postulas de ĉiuj spirantoj.*

*Ne! Li scias tre bone:*
*En palacoj ankaŭ loĝas doloro,*
*Malespero veturas en fieraj kaleŝoj*
*Kaj la luks' diamanta de viaj virinoj*
*Memorigas nur pri larmoj rigidiĝintaj,*
*Kiujn ili ploras sekrete.*
*Li scias tion, kaj li havas por vi*
*Multege pli la ĝemon de l' kompato*
*Ol la amarajn vortojn de l'envio.*

*Sed unu avantaĝon vi posedas,*
*Kaj danki devas vi pro tio*
*En bela humileco al la Dioj!*
*Vi povas gardi vin libere*
*De ĉio, kio homojn malhonoras;*
*Ĉar vi neniam estas starigataj*
*Sur la mallarĝan rifo-randon de l' mizero,*
*Kiu disigas de malinda ago*
*Plej puran volon,*
*Kaj vi ne konas tiun zorgon,*
*Kiu mordas la animon*

*Per insidema ratodento,*
*Katenas altan karakteron al malnoblo*
*Kaj premas grandan koron malsupren*
*En la marĉon de l' sufero,*
*Ĝis kiam ĝi longe bataladinte*
*Pri si mem malesperas,*
*Kulpiĝas — kaj dronas.*

*Vi povas resti fidelaj al vi mem,*
*Se vi nur volas,*
*Kaj nenio malhelpas vin*
*Esti noblaj kaj bonaj.*
*Feliĉaj vi estas, vi riĉuloj!*

El la germana originalo de *Walter Lippmann.*

# La Najtingalo kaj la Princo

Fablo de **Florian**

*Unu princo juna kun la guvernisto*
*Promenadis en la arbareto,*
*Kaj enuis — laŭ la etiketo,*
*Tia estas ja la princekzisto.*
*Unu najtingalo kantis sub folioj:*
*Ĝin atentis juna altmoŝtulo,*
*Kaj lin ravis eta belkantulo,*
*Ĝin li trovis ĉarma en arioj;*
*Kapti ĝin kaj meti en la kaĝon*
*Kiel vera princo tuj li ekdeziris,*
*Sed la bird' timema jam foriris,*
*Kaj ĝi faris al la princ' domaĝon.*
*Kolereta pro la malsukceso,*
*Al la guvernisto diras la moŝtulo:*
*— Kial la agrabla bird' kantulo*
*Loĝas en arbaro, sen permeso,*
*Dum palaco mia estas paser-plena*
*Kaj senĉarme pasas viv' ĝardena?*
*— Tial estas, ho la Ekscelenco,*
*Ĉar stultuloj trudaj ĉie ja prosperas,*
*Dum merit' sin kaŝas, pacon ĝi preferas,*
*Kaj ĝin oni trovas nur kun pacienco.*

El la franca tradukis: *Petro Stojan,* L. K.

# Hundo kaj Kato

Fablo de **Florian**

*De sia mastro forvendita hundo*
*Elkateniĝis, kaj forkuris kun kolvundo;*
*Al kara domo ĝi rapidis,*
*Al hejmo, kie mondon ĝi ekvidis.*
*Vidinte ĝin, ekfuriozis la patrono,*
*Tutbatis la fidelan beston per bastono,*
*Reenkondukis ĝin al nova mastro per la ŝnuro,*
*Kaj ĝin al li transdonis kun fi-ĵuro.*
*Preteriranta ĝian novan ejon, la katego*
*Rimarkis malfeliĉan hundon ĉenligitan,*
*Kaj moke diris al la ekskolego,*
*Movante sian voston purlekitan:*
*Ĉi kredis do, ho kara mia,*
*Ke oni amas nin pro amo nia!*

El la franca tradukis: *Petro Stojan.*

# Laboru! kaj komprenu la alian!

de **Marie Hankel,** 1921

*Mi serĉas ion, kio donos forton*
*En nia granda zorgo kaj mizero,*
*Elteni volas mi la akran sorton,*
*La malfeliĉon nunan sur la tero.*

*La suno jam ne brilas en la koro,*
*Kaj helpon mi ne trovas en animo,*
*Min premas malĝojego kaj doloro,*
*La zorgo min alblovis kaj la timo.*

*Ĉu flugos for la beno de l'espero?*
*Mi revis pri edifo kaj progreso,*
*Kaj pri la fina venko de la vero,*
*Sed ĉie nur malbeno kaj forgeso. —*

*Homaro vi, ekaŭdu voĉon mian:*
*Gefratoj! ĉu eterne ni suferu?*
*Laboru! kaj komprenu la alian!*
*Laboru! kaj per tio reesperu!*

# Lingvaj Studoj

## Ĉevalbleki, porkobleki

Nia Redaktejo ricevis la sekvantan karton:

Kara S-ro G. S. Mi rimarkis en la nuna numero de „Esperanto" sub „Tra la Libraro" ke vi kritikis diversajn verkojn, kaj inter ili Internacian anekdotaron de P. William, en kiu la aŭtoro uzas la vorton „Heni" por ĉevalbleki. Laŭ mia humila opinio la stranga vorto estas tute nenecesa, ĉar la vorto ĉevalbleki tre bone esprimas la ordinaran blekon ĉevalan. Pripensante tion ĉi mi miras kiel la aŭtoro priskribos porkblekon. La penso tre timigas min, kaj mia plumo rifuzas skribi plu. La Via Zamenhofa *J. R. Müller,* VD.

## Ceruzo

Kelkaj samideanoj petis de ni la signifon de tiu vorto, kiu troviĝas en la cirkuleroj de la Internacia Laboroficejo. Ĝi troviĝas en la vortaro Esp.-Franca de Grosjean-Maupin kaj signifas „plumboblanko" (fr.: céruse, angl.: ceruse, germ.: Bleiweiss.)

## Pri sufiksoj

Ankoraŭ diversajn leterojn ni ricevis pri **ulino -ino** Ni jam respondis represante la rekomendon de la Akademio, praviganta ambaŭ. Pro klareco, la granda plejmulto de l' Esperantistaro ĉiam preferas **virgulino** al **virgino,** sed oni rajtas kulpigi neniun el ambaŭ formoj je „kontraŭfundamenteco", ĉar Zamenhof ĉiam konsideris ĉiujn sufiksojn kiel memstarajn vortojn. *(Red.)*

## Pri teknika vortaro

En proksima N-ro de „Esperanto" ni analizos la lastajn cirkulerojn de la Akademio pri tiu temo.

## Pri ŝako

*Korespondo:* Sendantoj de ŝakproblemoj estas petataj, **ne sendi** malnovstilajn verkojn, ĉar nia legantaro estas iomete postulema. — *J. B. en B.* duasolvo Ĉf4! — Al la demandoj pri la vortaro estu rimarkite, ke laŭ la opinio de multaj samideanoj ne montriĝas la bezono elpensi novajn vortojn. Ĉio, eĉ la plej altaj teoriaĵoj, povas esti bone klarigata per la kutimaj radikoj. La *Pat* estas la lama pozicio de la figuroj, aŭ, se oni volas, *la lam'pozicio.* *F. H.*

 ESPERANTISMO 

## KRONIKO

Pro la gravaj preskostoj, kiuj pezas sur nia administrado, ni estas devigataj limigi tiun ĉi rubrikon. Ni estonte raportos nur pri gravaj okazintaĵoj kiel oficialiĝoj de Esperanto, gravaj propagandaj sukcesoj aŭ vere specialaj faktoj. La bonvolaj samideanoj, kiuj sendis al ni materialon, bonvolu akcepti nian senkulpigon pro nepreso de ilia manuskripto.

### Belgio.

Sekve de sukcesplene farita enketo internacia de la Centra Lerneja Komitato de la Urbo Antwerpen pri la apliko en aliaj landoj de la leĝo pri deviga instruado (la C. L. K. ricevis 66 respondojn el 43 diversaj landoj kaj ŝtatoj) tiu komitato rekomendis varme Esperanton ĉe sia Urba administracio kaj esprimis la deziron, enkonduki la lernadon de nia lingvo en la oficialajn vesperkursojn kaj en la superajn klasojn de la unuagrada instruado kaj en la lernejojn por instruistoj. Ni povas jam nun noti unuan rezultaton de la vigla klopodado de la Lerneja Komitato de Antwerpen: *La urba administracio enskribis Esperanton inter la fakoj lerneblaj en la oficialaj vesperkursoj.* La sekretario de la Centra Lerneja Komitato de Antwerpen estas nia samideano Frans Schoofs.

### Britlando.

Grava propagando estis farita en „Mond-Serva" ekspozicio de Liverpool. Oni disdonis 10,000 propagandilojn. Ekspozicio estis aranĝita. Gravaj paroladoj de S-roj Pollen, Applebaum, Primavesi, Mawson, John kaj aliaj okazis. La estonta Kongreso de Britaj Esperantistoj okazos en London (Pentekoste). Oni esperas, ke multaj eksterlandanoj uzos la okazon por viziti Londonon.

### Ĉeĥoslovakio.

En Holešov okazis publika parolado de S-ro Jacobs el Antwerpen (Belgio). Tradukis F-ino A. Janalikova. La lernolibro de F-ino J. Ŝupichova estas aprobita de la ministrejo de instruado por kursoj en lernejoj. La „Klubo de ĉeĥoslovakaj turistoj" (21,000 membroj) fondis Esperantan fakon, kiu diskonigos eksterlande la naturajn belaĵojn de Ĉeĥoslovakio. Kursoj en lernejoj okazas en Saaz, Ĉeska Trebova, Holešov, k. t. p.

### Danlando.

Esperanto estas enkondukita en la internacia popola universitato de Helsingör.

### Finnlando.

La Loka Komitato de la 14ª Kongreso jam nun energie laboras. Ĝi verkis alvokon al la finnlandaj Esp-istoj kaj dissendis al la gazetaro alvokon subskribitan de 20 eminentaj finnoj. La unua komuniko al la Esperantistaro aperos en nia januara numero.

### Francio.

Kiel la antaŭaj jaroj, la Foiro de Lyon metis je la dispono de la Esperantistoj tutan budon por ekspozicio. S-ino Farges presigis siakoste 3000 propagandilojn pri la lastaj sukcesoj de Esperanto. Okazis sukcesaj paroladoj de S-ro Prof. Antonelli kaj de S-ro E. Cherblanc en la foiro. Fondiĝis Studenta Grupo, adreso: S-ro Sin-Pak, Institut Franco-Chinois, Fort St-Irenée, Lyon. En Marseille la intersindikata grupo vigle propagandas. En Mulhouse, Nemours, Rosny-sous-Bois, k. t. p. la movado estas vigla.

### Germanio.

La policaj aŭtoritatoj en Dresden nun oficiale korespondas en Esperanto. Oni uzu nian lingvon pri la policaj aferoj traktotaj en tiu urbo. Adreso: Polica Prezidejo, Schiessgasse 7. Parolado de S-ro Lappalainen el Helsingfors okazis en Potsdam. Ĝi estis tradukita germane. La supera popollernejo en Nürnberg akceptis Esperanton kiel solan fremdlingvon. Esperanto estas enkondukata en la urba komerca lernejo de Elbing, en la Universitato de Essen kaj multaj aliaj lernejoj. — La foiro de Leipzig publikigis novajn belajn cirkulerojn ilustritajn en Esperanto. Ili estas modeloj de tipografia arto. Postulu ilin de Messamt, Markt 4, Leipzig.

### Hispanio.

La programo de la Universitato de Valencia anoncas malfermon de Esperanto-kurso. Nova grupo kaj kurso en Huesca.

### Hungario.

Kurso por kuracistoj estas organizata en Budapest. La jara kunveno de la Hungara Landa Esperanto Societo kunvenigis 100 samideanojn. Festo estis organizita okaze de la vizito de Ges-roj de Villa el Habana.

### Islando.

Semajna gazeto „Isafold" raportis pri Esp. kaj Ruĝa Kruco.

### Italio.

La 7ª Kongreso de Italaj Esperantistoj okazos en printempo 1922 en Trieste.

### Jugoslavio.

S-ro D-ro Maruzzi faris propagandan vojaĝon tra Bosnio, Hercegovino kaj Dalmatio. Aperis du vortaroj kaj unu gramatiko en kroata lingvo.

### Pollando.

Fondiĝis „Esperanto-Asocio de Polujo", kiu celas unuigi ĉiujn grupojn kaj izolulojn en la lando. Ĝi insistas pri tiu fakto, ke ĝi estas nepre nacie, religie kaj politike neŭtrala. Aliĝis jam 13 grupoj. Adreso: Kordeckiego 1, Bydgoszcz.

### Ruslando.

S-ro A. Kofman, konata Esperantisto de l' unua tempo, kiu iĝis idisto en 1908 kaj multe laboris por Ido en Odessa ĝis 1918, refariĝis Esperantisto kaj kunlaboras al la Esp. gazeto de Ĥarkov.

### Svislando.

En Genève la Laborista Kongreso Virina akceptis Esperanton por sia venonta kunsido en 1923. Tre sukcesis granda publika kunveno ĉe la Ĝeneva Universitato organizita de Instruista Unuiĝo, Pedagogia Societo kaj Instituto J. J. Rousseau por klarigi al gepatroj la kialon de Esp. instruado en lernejoj. Parolis profesoroj Bovet, Privat kaj Malche, ŝtata direktoro de l' unuagrada instruado. Poste S-ro Arago komencis du kursojn al 85 pliaj instruistoj.

### Ameriko.

Per dekreto N-ro 4356 de la 26 oktobro la Brazila Parlamento dekretis kaj la Prezidanto de la Respubliko, D-ro Epitacio Pessôa, sankciis, ke „la Brazila Ligo Esperantista estas konsiderata kiel societo de publika utileco".

### Azio.

La Japana Asocio por Ligo de Nacioj dissendis al la similaj naciaj asocioj kaj pacifistaj societoj en la tuta mondo cirkuleron, kiu informas, ke ĝi korespondas en Esperanto kun helpo de la Japana Esperanto Instituto. La urbestro de Tokio, Barono Goto, eksministro de eksterlandaj aferoj, aranĝis pri-esperantan paroladon la 1 oktobro en la Tokia urbbiblioteko „Hibija". Ĉeestis ĉirkaŭ 400 personoj. Paroladis S-roj Barono Goto, Morizo Ga, bofilo de la eksministro grafo Okabe, kaj profesoro D-ro G. J. Ramstedt, finnlanda ministro.

---

**Telegramo el Finnlando: Parlamento ree donis 25,000 por 1922!**

## TRA LA LIBRARO

**Ni raportas pri ĉiuj verkoj kies 2 ekzempleroj estas sendataj al nia Redaktejo**

**Samideano.** Internacia biblioteko N-ro 1, majo 1921. Eldonejo Oskar Ziegler & Ko., Marktredwitz (Bavarujo). 20 paĝ., 16×23 cm. Prezo: 2. 50 M.

Jen unua kajero de nova literatura revuo; ĉu ĝi longe brilos ĉe nia ĉielo, aŭ ĉu ĝi estos forkuranta stelo? La enhavo konsistas el jenaj prozaĵoj: Ascendo al Vezuvjo antaŭ kvardek jaroj (P. Christaller), Surprizo (tradukita de Camilla Furth), La lasta kanto (A. Stamatiadis) kaj paĝo da sentencoj, anekdotoj, ludoj.

En la unua rakonto, la plej longa, estas akceptitaj novaj proponitaĵoj; ekzemple: la sufikson „oz" en „sumoza, barboza"; forigon de l' finiĝo „aŭ" ĉe adverboj en „morga, balda"; de „u" en „ti-kiu"; ofte montriĝas strangaj kvazaŭvortoj kiel: „tion-ne-deziranto", „plej-bel-maniere", ŝtono „du-pugnoj-granda"; cetere la tro ofta uzado de intervorta streketo, kiel ankaŭ uzo de simpla komo anstataŭ alia finfraza interpunkcio ne ŝajnas rekomendinda. Sed kelkaj tiaj detaloj diskutindaj ne malhelpas tralegi plezure la rakontojn aŭ humorplenajn, aŭ kortuŝantajn, nek dubi pri la sperteco de iliaj aŭtoroj. *G. S.*

**Jan Amos Komensky** (Johano Amos Comenius) de Prof. D-ro *Jan Novak.* Tradukis kaj eldonis „Rondeto de Esperantistinoj" en Praha. Mendebla ĉe F-ino K. Hlávaĉová, Jungmannstr. 6, Praha-Smichov. 28 paĝoj, 10×16 cm. Prezo: 1 ekz.: 5 k. ĉ. 10 ekz.: 40 k. ĉ. (afranke 5,40, kaj 44 k. ĉ.)

Portreto ornamas tiun biografion de fama ĉeĥa pedagogo. Lia vivo estas detale rakontata, liaj vojaĝoj, spertoj, celoj, ĉefaj verkoj kaj ties influo en multaj landoj. Interese estas ekscii, ke tiu nobla pensulo ankaŭ profetis pri tutmondaj paco kaj lingvo. Ĉeĥoj prave fieras pri sia genia lingvisto, filozofo, pedagogo kaj patrioto. La broŝuro estas senerare tradukita kaj presita. La radiko „apercipo" estas duoblaĵo de „apercepto" citita en Boirac, kaj la lasta ŝajnas preferinda pro la jam oficiala „percepto".

En antaŭparolo D-ro Kamaryt klarigas la kialon de fameco Comenius'a. Sed mi miris legante: „Descartes dum la tuta vivo sidis en salono sur kusenoj malforta, malsaneta viro, kaj la tutan vivon meditis ĉu li ekzistas aŭ ne." Estas erara konkludo el fama diro, kaj tono de malŝato ne pravigebla. Ne nur Descartes estas geniulo sed eĉ, post siaj studoj, li dum deksep jaroj travojaĝis tutan Eŭropon por spertiĝi pri homoj, kaj li estis soldato. Vere estas, ke li poste malsaniĝis kaj ke li mortis; sed tio okazis en Svedujo, kien li iris defendi sian doktrinon. Kaj se el meditado li eltiris multegon, ĉu ankaŭ tio ne estas inda? — *G. S.*

**La Koboldo Ondra.** *Jiri Mahen.* Tradukita kaj eldonita de Moraviaj Esperanto-Pioniroj en Olomouc (Ĉeĥoslovakio). 42 paĝoj; 10½×14 cm. Prezo: 4 k. ĉ.

Oni volis lukse prezenti kaj presi tiun fantazian rakonteton. Ĉu tian honoron ĝi meritas? Ĝi ne estas supera al similaj alilandaj popolfabeloj. Intencante imiti la parolaĉon de koboldo, en ĉiuj liaj diroj „s" estas skribata „ŝ"; sed malbelegaj estas vortoj „eŝtaŝ, ŝĉiaŝ", k. t. p. Plie tiu sistemo estas tute neregule uzata, kaj bedaŭrinde ĝi nevole etendiĝis al la cetera teksto, kiu estas oftloke fuŝata per malutilaj akcentoj. Ankaŭ la interpunkcio mankas, kaj la diroj de l' personoj miksiĝas konfuzige kun la rakontaj partoj. Tiuj difektoj estas despli mirigaj en eldono je aliaj flankoj tiel zorge laborita.

**Ŝakludado.** (Itale: Una partita a scacchi) *Josefo Giacosa.* Esperantigis verse Fratoj *P. kaj R. Padulli* Kolekto de l'Itala revuo „L'Esperanto". Eldonisto A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italujo. 48 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: Italujo: 3 l.; eksterlande: 2,50 f. sv.

Komedieto pentranta bildon de mezepoka kavalira tempo. Kastelano Renato, kun sia filino Jolando, vivas solece. Alrajdas fiera junulo Fernando. Gejunuloj vete ŝakludas. Gajnonto, Fernando edziĝos je Jolando, perdonto, li mortos. Jolando estas kompreneble sufiĉe ruza por perdi la ludon sed gajni edzon. Ne tre verŝajna estas la temo sed poeziaj la versoj kaj sentoj. La tre lerta traduko konsistas el dekkvarsilabaj, meze partigitaj, versoj bone rimantaj. Jen ekzemple vera pentraĵeto el la prologo:

„Estis tag' de Aŭtuno, la plej stranga sezono,
En kiu mizeriĝas penso, volo, rezono,
Vere, aŭ pro l'odora vino de l'atmosfero
Aŭ pro l'herbeja fumo spirita ĉe vespero
Aŭ eĉ pro antaŭsento pri la Morto rabanta,
La pensoj en Aŭtuno tute tre malĝojiĝas,
Dum Naturo ĉirkaŭa pli kaj pli malfortiĝas."

Dum legado de l' tuto, nur dufoje mi malĝojis pro trovo de l' vorto „tristeco" kontraŭfundamenta. — *G. S.*

**La Hundo parolanta.** Duakta burleska komedieto de *Daniel Eyquem,* Vicprezidanto de la Societo de Amikoj de Esperanto. Esperantista Centra Librejo, 51, Rue de Clichy, Paris IXe. 16 paĝoj, 13½×22 cm. Prezo: 2 f. f.

Efektive burleskaĵo, preskaŭ tro malserioza, tro nenatura. Vere tamen sur scenejo, kun lertaj geludantoj, ĝi efikas, elvekante nekateneblan ridegon ĉe la aŭdantoj. Tial eble edzo ŝtele kelkfoje levas la kufon kaj ankaŭ la perukon de sia edzino dum deloganto ŝin kisadas, aŭ fraŭlino hunde vestita diras veraĵojn malagrablajn al ĉiuj, samtempe ruze akceptigante sin, kiel bofilinon de stultega apotekisto? Kelkaj eraretoj, restis krom tiuj montrataj en tabelo de preseraroj; „lia aŭ ilia" anstataŭ „sia"; „mi vin ĉiujn mendis" (alvokis aŭ venigis); „ili sin ampleksas" (ĉirkaŭprenas). Vortoj „luketo" (tegmenta fenestreto) „sureto" (tibikarno) estas ĝis nun malofte legataj. — *G. S.*

**Tarptautinės kalbos Esperanto vadovėlis** (Lernolibro de Esperanto por Litovoj. *A. Klimas,* laŭ *V. A. Dmitriev kaj P. D. Medem.* Kaunas (Litovujo). Eldonisto P. D. Medem, Smėliu g. 12. 48 paĝoj, 11½×16½ cm. Prezo: 6 auksinai.

Malkaŝe mi konfesas, ke mi ne rajtas juĝi tiun novan lernolibron, sed nur ĝoji vidante, ke nova nacio nun ankaŭ posedas sian Esperantan gramatikon. Ĝi estas bele presita, la Esperantaj tekstoj estas tute korektaj kaj bone elektitaj, kaj la nomoj de l'aŭtoroj sufiĉe garantias pri la taŭgeco de l' litova parto. — *G. S.*

**Miserere** *kaj* **Thais.** Tradukis *Edward S. Payson,* Prezidanto de la Esperantista Asocio de Norda Ameriko. 70 paĝoj, 12½×17½ cm. Prezo 50 cendoj. Aĉetebla ĉe la Esperanto Office, Pierce Bldg., Copley Square, Boston 17, Mass. Usono.

La sama tradukinto jam liveris al ni kelke da tiaj libretoj bele presitaj kaj eldonitaj. Tiu nova enhavas du rakontojn.

La unua estas angle verkita de nuntempa aŭtorino Mabel Wagnalls; ĝi raportas pri neordinara okazintaĵo; la heroo mortigis junulon en senmotiva duelo; li poste alilande enamiĝas je la fratino de sia viktimo; kiam la pasinteco, ĝis tiam nekonata, stariĝas inter ili, la geamantoj disiĝas, kaj li ŝin revidas nur je ŝia tragedia morto sur operscenejo Kortuŝanta novelo kun vere originalaj situacioj. La traduko estas bona, facile legebla; nur maloftaj kritikindaĵetoj permesus ĉikaneti la tradukinton.

Sed la dua! Jen ĝia plena titolo: „Thais, de Anatole France, resumis, adaptis kaj Esperantigis, el angla traduko de la france verkita romano, Ed. S. Payson." Tiuj vortoj estas grava kondamno. Ni estigu leĝon severe malpermesantan tradukon de tradukaĵo! Francoj prenu, se ili tion kuraĝas, la taskon esperantigi siajn ĉefverkojn. Thais estas tia; ĝi valoras kiel artaĵo, kie ne ekzistas flankaĵoj; ĝi estas kvazaŭ grandioza pentraĵo, kie ĉiu parto kunhelpas al la ĝenerala aspekto; ĝi estas kvazaŭ muzika sinfonio, kie ĉiu aparta agordo miksiĝas kun la ceteraj en rava sinsekvo. Ĉu oni resumas muzikaĵon, ĉu oni adaptas pentraĵon, ĉu oni kopias kopion?

Certe lerta kaj bonintenca estas S-ro Payson; sed al francaj kaj „France"aj literaturamantoj, lia „resumadapttradukesperantigo" aperas, kiel atenco al beleco, kiel nepardonebla kripligo. Ĉu do la angla literaturo ne estas sufiĉe riĉa je tradukindaĵoj por kontentigi la laŭdindan laboremon de S-ro Payson? — *G. S.*

**Vortoj kaj Makuloj.** *Almanako.* Eldono de Redakcio de ĵurnalo „*Teatro kaj Arto*“. Ĉita, Siberio. 84 paĝoj, 20×27 cm. Prezo ne montrita.

Tiu almanako estas plurmotive interesa. Unue pro ĝia deveno el fora oriento, el transbajkala regiono, el malproksima Orienta Siberia Respubliko. Due, ĉar ĝi pruve montras kiel, malgraŭ malfacilaj ĉiuspecaj baroj, niaj samideanoj, en ĉiuj partoj de l' estinta Rusa imperio, daŭrigas fervore kaj sukcese la laboron por Esperanto. Trie ĉar la Almanakon ornamas multaj bildoj laŭ moderna artskolo, kiuj liveras interesan dokumenton pri artevoluo.

Vere estas, ke diversaj mankoj difektas la eldonaĵon: la papero estas malbonkvalita; la presejo malhavis la necesajn Esperantajn literojn anstataŭataj per „h“ aŭ alimaniere; restis tro multe da preseraroj kaj da lingvaj nekorektaĵoj.

La titolo estas trilingva: rusa, angla kaj Esperanta; noto de l' eldonintoj diras: „Ni alprenis la decidon doni la tradukon de plimulto de presata en la almanako literatura materialo en la lingvo Esperanto. La angla lingvo malgraŭ ĝia grava signifo en multaj najbaraj al Orient-Siberia Respubliko landoj estas uzita de ni nur en ĉi tiu enkonduka parto kaj en kelkaj klarigoj al la desegnaĵoj.“ Do la almanako estas ĉefe rusa, kun Esperanta traduko, krom por kolekto da nur ruslingvaj poezioj.

Ĉu pro la fremdeco de l' aŭtoroj, ĉu pro ilia moderneco, ĉar laŭ titoloj kaj desegnaĵoj estas inter ili kubistoj kaj futuristoj, ĉu pro ofta lingva malklareco, ĉu pro la malfacileco de l' tradukado, estas en la prozaĵo, kiel en kelkaj bildoj, io stranga ne bone komprenebla laŭ senco kaj celo; plej mirige estas, ke la enhavo de kelkaj mallongaj poezioj estas multe pli klara ol tiu de prozaj poemoj aŭ de prozaj tekstoj.

Hazardo, estas dirite, kunigis riprezentantojn de tre diversaj skoloj; la ĝeneralan tendencon de l' verko eble montras tiuj vortoj de l' enkonduka artikolo: „Kiam la sensenca kripligita de l' jarcentoj plimulto ne lasas evolui la individuan kreantecon kaj homan energion, riĉigantajn la tutmondon kaj atencantajn nenies rajtojn, — tiam la vivo estas kripligita en plej ofenda maniero“. Oni do ribelas kontraŭ tiu premado.

Simbolaj estas la skizo: „Vortoj kaj Makuloj“, kiu liveris la titolon de l' tuto, la longa proza poemo: „La kastelo de mia animo“, ilustrata de originalaj strange impresigaj bildoj, kaj la poemo: „La nova Babelo“. „Du veroj“ estas kortuŝa rakonto el la revolucia vivo de ĉebajkalaj vilaĝanoj.

Por niaj samcelanoj donas interesajn informojn la artikolo: „Pri la poresperanta laboro en Orienta Siberio“; ni tie legas, ke societoj ekzistas en ĉiuj grandaj urboj, ke la ĵurnaloj enpresas ofte artikolojn pri Esperanto, ke jam serioze priparolata estas ĝia enkonduko en la lernejojn. Bonaj kaj tute precize kompreneblaj estas la tekstoj: „Skoltismo malĝustigita kaj ĝusta“ kaj „Pri Burjat-Mongola popola poezio“. Fine, arta aldono enhavas diversajn bildojn, i. a. portretojn de kunlaborantoj aŭ de registaranoj.

Jam dirite estas, ke la lignaj gravuraĵoj, cetere ne ĉiuj samvaloraj, estas atentindaj pro sia originaleco; ili estas bone desegnitaj, maltime ĉizitaj, montras veran majstrecon en tiu malfacila procedo kaj pli arte efikus, se la materiaj kondiĉoj de l' presado estus pli perfektaj.

„Vortoj kaj Makuloj“ estos ŝatata specimeno en Esperantaj bibliotekoj. — *G. S.*

**Cours rationnel et complet d' Esperanto.** Préface de Henri Barbusse. (*Plena kaj racia Lernolibro de Esperanto.* Antaŭparolo de H. Barbusse) Eldonita de „Fédération Espérantiste Révolutionnaire, Rue Morère 23bis, Paris 14e. 208 paĝoj, 13×20 cm. Prezo: 5 fr. f. (afranke 5. 50).

Franclingvaj legantoj scias la historion de Gargantua: kiam lia edzino samtempe naskis filon kaj mortis, li ne sciis ĉu ĝoji pro la ido, ĉu funebri pro la vidviĝo, kaj li vice, kiel bovino ploris, kaj kiel bovido ridis. Ian similan duoblan senton ekhavos kelkaj trarigardante la novan lernolibron; ili ĝojos pro libro plena, detala, science ordigita, zorge eldonita, ampleksanta gravan materialon, donanta klarigojn kaj pravigojn pri ĉiu regulo, pro lernolibro entute pli riĉa, pli perfekta ol ĉiuj antaŭaj, el kiu eĉ lertaj eltiras profiton; sed aliflanke multaj bedaŭros la tendencon senteblan ĉiupaĝe, de l' epigrafo ĝis la traduko de l' „Internacio“, aperantan en ekzemploj, en bildoj, en legaĵoj, tendencon nete kontraŭreligian, kaj socialistan aŭ komunistan. Amiko vidinte la libron ekkriis: „Ĝia apero malhelpos Esperantan propagandon!“ Li trois; Esperanto estas lingvo ĉiucele uzebla, kaj oni ne kulpigu ĝin pli ol presarton, per kiu ankaŭ ĉiuj ideoj estas diskonigataj. La libro celas laboristajn rondojn.

Post bela antaŭparolo de Barbusse, konfesanta la gravecon de Esperanto kaj de l' movado, klarigo de l' nenomataj aŭtoroj diras ĝian perfektecon kaj valoron. Mallonga resumo de franclingva gramatiko antaŭiras la 17 ĉefajn lecionojn. Ĉiu el ili, tre riĉa, konsistas el detalaj gramatikaj reguloj kaj klarigoj, el kelkaj afiksoj, vortlisto, vortekzercoj, Esperanta kaj franca tradukot ĵoj, bildo, teksto legota kaj pridemandota, kaj fine plua komentario pri apartaj punktoj, precipe pri ĉiu, kie franclingvanoj riskas erari aŭ tro laŭvorte traduki. Dua parto enhavas 12 pluajn ĉapitrojn, ĉiu kun diskutoj pri specialaj lingvaj malfacilaĵoj, tradukoj de diversaj esprimoj, fakaj vortlistoj, nekonfuzendaj vortoj, apartaj tradukoj de sama vorto, legaĵoj diverstemaj. Fine estas du sufiĉe ampleksaj vortaroj, Esperanta-franca kaj Franca-esperanta.

Riĉega estas do tiu lernolibro, lertege prilaborita; plej rimarkindaj estas la multaj instruivaj komparoj inter malsimilaj propraĵoj de lingvoj franca kaj Esperanta. La ideo pri evoluo de l' lingvo per arĥaismoj kaj neologismoj estas vorte kaj fakte montrata; la prefiksoj „mis“ kaj „retro“, la sufiksoj „end“, „oz“, „iz“, „iv“, „io“ estas instruataj, dum noto nete diras, ke ili ne estas ankoraŭ oficialigitaj. Oni legas ekzemple, ke litero “ĥ“, sufiksoj „ĉj“ kaj „nj“, „ujo“ por landnomoj, iom post iom malaperos. Persone mi dubas ĉu definitiva forlaso de tiuj orientdevenaj kutimoj estas progreso. Same oni legas, ke adjektivo aŭ participo, antaŭ kiu oni povas diri „kiu estas“ ne bezonas kaze akordiĝi; ekzemplo: „Mi ricevis leteron grava pro ĝia enhavo“. Mi pensas, ke „gravan“ sole estas korekta, ĉar nur tiel estas allasebla alia vortordo kiel: Mi ricevis gravan pro ĝia enhavo leteron, aŭ kiel: Mi ricevis leteron pro ĝia enhavo gravan. Ankaŭ oni ie diras, ke radiko ne povas havi duoblan literon; duoblaj konsonantoj, mi konsentas, ĉar ili ne estas aparte prononceblaj, sed vokaloj, kial? En „zoologio, kooperativa“, oni eldiras ambaŭ „o“; do tiaĵo ne estas pli malbona ol aliaj duvokaloj „io“, „oi“, „ua“, k. t. p. Ĉiam mi miras, kiam oni nur tabeligas la verbajn formojn laŭ la modelo de l' franca konjugacio, anstataŭ ankaŭ montri plenan laŭesperantan verbformaron, malobeante ian lingvan tro riĉan aŭ mankhavan sistemon.

Fine, kaj tio ne koncernas nur tiun libron, kial presi bildotabelon pri horoj en diversaj landoj tute eraran aŭ almenaŭ antikvan? De multaj jaroj preskaŭ ĉiuj civilizitaj landoj rezignis la horon laŭsunan de sia ĉefurbo kaj akceptis la horojn de l' t. n. daŭba sistemo; nune, de lando al alia la diferencoj estas unu aŭ pluraj tuthoroj; precipe en verko tiel internaciema, instruanta internacian lingvon, tiu internaciigo de l' horoj ne devus esti ignorata sed prefere per teksto klarigata al lernantoj. Do en tabelo de paĝo 167, kie 12 horloĝoj montras horon de siaj landĉefurboj, kiam en Parizo estas tagmezo, ĉiuj 12 horloĝoj fuŝfunkciadaĉas; ili montrus la ĝustan horon de l' urboj se, en aliaj landoj kaj en Francio, oni ankoraŭ reguligus la horloĝojn laŭ la suno, kaj nek tie, nek tie ĉi, tio estas nun vera.

Nu, por iom pli humori, bonvolu rigardi la bildon sur paĝo 98. Mi uzis ĝin kiel „teston“ (inteligentprovo). Preskaŭ ĉiu senrezerve admiras ĝin. Nur poste vi rimarkigos, ke la luno ĉiam turnas sian konveksan flankon kontraŭ la suno, kaj ke rigardanto ĉiam estas lokata inter suno kaj ĉielarko; do la bildo estas duoble malvera aŭ neebla. Des pli amuze estas poste legi sub ĝi: „Tiu ĉi bildo estas fotografaĵo de bela norvega pejzaĝo sendita de Esperantista kamarado, kiu loĝas en Kristanio.“ (Kredeble la lando de l' kristanoj! Preferinde estas „Kristiania“.)

Konklude mi eble tro detale diris pri kelkaj diskuteblaj aŭ

sensignifaj manketoj kaj ne sufiĉe skribis pri la abundeco de bonaĵoj. Tial ĉiu franclingva samideano, eĉ ne komunistema, konvinkiĝu mem pri la valoro de l' libro trastudante ĝin. Li ne domaĝos sian aĉeton kaj sian laboron. — *G. S.*

**Tra la mondo.** *Internacia legolibro*, kolektita kaj prilaborita de *Paul Bennemann*. 1a parto: Por komencantoj kun multaj bildoj kaj muziknotoj. Eldonejo: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. 96 paĝoj, 15×22 cm. Prezo: 10 M. g.

Bonaj legolibroj jam ne mankis, sed eble kelkaj antaŭmilitaj eldonaĵoj elĉerpiĝis. Tiu nova specimeno lokiĝos inter la preferataj. Ĝi estos por lernantoj kaj por instruantoj utila komplemento al lernolibro, kiu ne povas enhavi sufiĉan legotekstaron. Verkita por junuloj, ĝi tamen konsistas el prozaĵoj sufiĉe diversaj kaj tiel bone elektitaj, ke nelernantoj ankaŭ plezure kaj profite tralegos tiun interesan krestomation. Ĝi estos, laŭ anonco de l' aŭtoro, sekvata de dua parto kun pli malfacilaj literaturaj elektitaĵoj.

Unua ĉapitro, tre atentinda, donas grandan kolekton da proverboj kaj aforismoj ĉerpitaj el multaj lingvoj kaj verkistoj. Estas tre interese trasérĉi, kiel sama ideo estas malsame vortigita de diversaj gentanoj. Poste sekvas „interesaĵoj el la vivo kaj sciencoj", kolekto da diverstemaj novaj aŭ kuriozaj faktoj. La ĉapitro „fabloj, fabeloj kaj rakontoj", estas la plej ampleksa kaj donas aron da tradukoj el diverslandaj prozistoj sed ĉefe el germanaj. Germana literaturo estas ja plej riĉa je tiaj fantaziaĵoj kun kaŝita moralinstruo. Poste kelkaj paĝoj kun ŝercaĵoj elvekos bonhumoran ridon de l' legantoj kaj fine diversspecaj ludoj, problemoj, amuzaĵoj kaj muzikaĵoj celas agrabligi la liberajn horojn.

Ĉar plie la libro estas ornamita per belaj artaj bildoj, oni devas konfesi, ke la kolektinto kaj la eldonisto ĉiel klopodis por liveri vere modelan legolibron. Ankaŭ tia ĝi estas laŭ presa kaj lingva korekteco kaj plejeble perfekta oni rajte povas ĝin diri. Estu la verkinto kaj la firmo rekompencataj per vasta „tralamonda" aĉeto kaj uzo de sia „Tra la mondo". — *G. S.*

**Dictionnaire complet Esperanto-Français** (Plena vortaro Esperanta-Franca), *E. Grosjean-Maupin*. Esperantista Centra Librejo, 51, Rue de Clichy, Paris 9e. 19+242 paĝoj, 10×15 cm. Prezo: bindita 6 Fr. f.

Jen dua korektita eldono de bonega vortaro. Oni eble memoras, ke la unua estis sufiĉe akre kritikita en kelkaj gazetoj, pro tio, ke la aŭtoro, kiu deziris per sia vortaro ebligi legon de ĉiu teksto Esperanta, estis enlistiginta multon da maloftegaj, troteknikaj aŭ nerekomendindaj vortoj. Ŝajnas, ke la kritikintoj miskomprenis la celon; ili tamen ankaŭ iel estis pravaj kaj pruvo estas, ke la nova eldono forigis grandan nombron de tiuj nebezonaj, trospecialaj aŭ malbonaj radikoj. Same, la 13-paĝa suplemento de l' unua, kun kolekto da ankoraŭ malpli fidindaj esprimoj, malaperis en la dua eldono. Kompense al tiu senbalastigo estas aldonita, post multaj vortoj, novaj kunmetitaĵoj kun ilia franca traduko, bona pliriĉigo.

En sia nova antaŭparolo, la aŭtoro diras, ke lia vortaro entenas ĉiujn oficialajn radikojn kaj multajn aliajn. Tamen, krom kelkaj citataj en la averto, mankas, oni ne scias kial, deko da vortoj de l' 2a oficiala aldono. Por ne oficialaj, speciala listo diras, en kiuj ĉefaj vortaroj ili jam estis akceptitaj. Persone mi ĉiam bedaŭras, kiam en tia verko la oficialigitaj radikoj ne estas apartigitaj de la aliaj per ia tuj videbla signo, steleto, kromlitero, aŭ pli dikaj literoj.

Bele eldonitaj, klare presitaj, praktikaj laŭ formato, riĉenhavaj, la vortaroj de S-ro Grosjean-Maupin estas, por Esperantistoj franclingvaj, libroj nepre necesaj. — *G. S.*

**Postrikolto.** *Suplemento al „El Parnaso de Popoloj"* de *Antoni Grabowski*. Eldonaĵo de „Hispana Esperantisto", J. Mangada Rosenörn. Jaca (Prov. Huesca), Hispanujo. 24 paĝoj, 10½×15 cm. Prezo: enlande 1, eksterlande 2 respondkuponoj.

Tiu nova numero de la aldonoj al la Hispana gazeto kompletigas per 22 novaj poezioj tradukataj el diversaj lingvoj la admirindan kolekton de l' „Parnaso". La malampleksa dua serio havas samajn kvalitojn kiel la ĉeflibro; la poezioj estas tiel belaj, tiel lertege alfaritaj al la originalo, tiel poezie reverkataj. Ilin legante, oni ree ame kaj danke memoras la unuan kun la majstro parolinton en nia lingvo kaj ĝian unuan veran poeton.

Ni estus preferintaj, por tia postrikolto, preson, paperon kaj formaton laŭ la Parnasa eldono, kun ebleco de kunbindigo. — *G. S.*

**Unua kajero.** *Nova Tempo Libretaro*. Aŭstria kolekto de legindaj rakontetoj, fabloj, k. t. p. Eldonejo „Nova Tempo" Mollardgasse 55, Wien VI, Aŭstrio. 32 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 30 k. a.; 3 M. g.; 0.30 Fr. sv.

Subtitolo ne mensogas dirante la kolekton leginda. Ĝi tia estas pro la intereso de l' prozaĵetoj originalaj kaj spritaj, pro la stilo simpla, komprenebla kaj samtempe vigla, eleganta. Estas tradukaĵoj el diversaj aŭtoroj kaj unu Esperantema kaj Esperant-tema originalaĵo: „Unu posttagmezo en Paradizo".

Legante tiun bonegan libreton, mi nur notis, kiel nekonsilindajn vortojn: „ekzekuciisto" (ekzekutisto, laŭ Fundamento), „opulenta" (riĉa), „repliki" (rediri), kaj sur paĝo 26 du tute erarajn „sia". — *G. S.*

**Fabellibro.** Skribis *Puella Classica*, verkistino slovaka. Esperantigis *Rudolf Rajĉi*. Slovaka Volksbücherverlag, Kopaĉska ul, 25, Bratislava. 16 paĝoj, 12×19 cm. Prezo ne montrata.

Antaŭ dudek jaroj Esperantaĵoj, eĉ materie mankhavaj, trovis indulgon, ĉar nemultaj presejoj havis la necesan lireraron. Hodiaŭ, post tiom da bonegaj eldonaĵoj, la legantaro ne plu tiel bonanime kontentiĝas. Kial do tiel aperigi Fabellibron? Preseraroj malbeligas. La traduko de tiu deko da prozaj fabeloj estas ne malbona; la fabeloj mem estas nek sufiĉe simplaj por amuzi infanojn, nek sufiĉe originalaj aŭ filozofaj por mirigi plenaĝulojn. Eble naivaj, revemaj junulinoj ŝatos ilin? — *G. S.*

**Pomocny Jazyk Mezinarodni Esperanto.** (Helpa lingvo internacia Esperanto), Gramatiko, Krestomatieto kaj vortaro Esperanto-ĉeĥa. *Julie Ŝupiĉhova*. Eldonisto: Ŝolc & Ŝimaĉek, Praha. 116 paĝoj, 11×18 cm. Prezo: 3,60 k. ĉ.

Ĉar tiu lernolibro por ĉeĥoj, uzebla por mem- aŭ por kursinstruo estas duafoje eldonata, ĝi certe estas ŝatata. Ankaŭ la nomo de l' aŭtorino garantias pri boneco de ŝia verko. Ĝi enhavas unue detalan ĉeĥlingvan gramatikon, kun ĉiuj necesaj klarigoj kaj multaj ekzemploj, due, kelkajn legaĵojn, kaj fine vortaron Esperantan-ĉeĥan. Kompreneble, krom tiu libreto, diligenta lernanto bezonos perfektiĝi per tradukekzercoj, kiujn la jena presaĵo ne entenas. — *G. S.*

**Gvidlibro tra Trentino.** *D-ro Cezare Battisti*. Praktika gvidlibro eldonita de Federacio por Fremdulaj aferoj en Trentino. Tradukis *D-ro A. Mondini*. Mendebla ĉe Giovanni Marchetti, Via S. Maria Maddalena, 16. II, Trento, Italujo. 277 paĝoj, 11½×15½ cm. Prezo: afranke 5 L. aŭ 3 Fr. sv.

Tiu ampleksa gvidlibro estis eldonita okaze de la VIa Nacia Kongreso de Italaj Esperantistoj en Trento, aŭgusto 1921. Ĝi estos utila al vizitontoj de vidinda regiono per multaj detalaj informoj. Granda nombro da bildoj plibeligas la libron. Pri la teksto mem, ĝi estas ĉefe detala listo de ĉiuj lokoj, hoteloj, valoj, vojoj, historiaj, artaj kaj naturaj belaĵoj de Trentino, kun multege da propraj nomoj. Iom seka priskribo, kvazaŭ nur katalogo, kredeble utila por turistoj, sed neniel literatura. Ankaŭ bona geografia karto, eĉ Itallingva, ĉiam devus akompani tian fakan libron. — *G. S.*

**La principo de la Movado por ĉasta vivo,** pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunkto. Havebla ĉe D. Loskes, van Loostraat 68, Hago, Nederlando. 30 paĝoj, 13×20 cm. Prezo: 0,25 fl., afrankite: 0,30, rekomendite: 0,45 fl.

Movado por ĉasta vivo fondiĝis en Nederlando en 1919; ĝi diskonigas per tiu broŝuro sian celon kaj idearon. Post konciza principaro sekvas detala klarigo pri ĉiu ĝia parto kaj pri la rimedoj uzotaj en tiu moraliga entrepreno. La propagando por pureco anima, por instruo de normala seksa vivo, kontraŭ prostitucio, novmaltusianismo, pornografio kaj ĉiaj malĉastaĵoj estas pli necesa ol antaŭe,

kaj ĉiu honestulo apogos ĝin, eĉ se li ne konsentas pri kelkaj rezonoj. Trovu do tiu broŝuro, cetere bone verkita kaj klare komprenebla, multnombran legantaron kaj adeptaron por laŭdinda homama laboro. — *G. S.*

**Eŭropo unuigita.** No 1. Skizo de praktika programo pacifista *V. Zielinski*. Teksto Esperanta-Franca. Eldonanto: V. Zielinski, Panteleimon Han, Galata, Konstantinopolo. 32 paĝoj, 13½×22 cm. Prezo: 25 potrs, 2 Fr. f.

Konsiderante la ĝeneralan deziron al paco, la plifortiĝon de ĉiuj internaciaj movadoj, i. a. de Esperanto, la aŭtoro opinias, ke Eŭropa paco santempe estos tutmonda. Tial en Eŭropo oni unue fiksu la landlimojn laŭ la nacieco, oni organizu kaj unuigu internacie la intelektulojn ĝis nun tro disaj, oni varbu la kamparanojn kaj la virinaron al la pacifismo, oni eduku samcele la gejunularon, kaj oni fine estigu Eŭropan Regantaron, ĉar la Ligo de Nacioj estas ne vivpova. Tuja nepra laboro estas disvastigi pacifismon en Balkanaj landoj, tial sekvas, kiel aldono, projekto de Regularo de Proksimorienta Paca Asocio. Celo laŭdinda, ideoj parte pravaj, parte diskuteblaj, teksto tre komprenebla malgraŭ kelkaj lingvaj kaj presaj eraroj, tiel en la teksto Esperanta, kiel en la apudpaĝa franca traduko. — *G. S.*

**Mizero kaj suferego de la Nurnbergaj infanoj.** 24 paĝoj, 17×23 cm, kaj tri aldonitaj bildoj.

Malĝojige estas tralegi tiun broŝuron „prilaborita en la statistika oficejo laŭ mandato de la Urbkonsilantaro“; timigajn efikojn postlasis la milito, kaj pli teruraj kiam ili malsanigas kaj mortigas senkulpajn infanojn. Tabeloj cifere pruvas, kiom mankas kvante kaj kvalite la nutraĵo, kiom mizera la loĝejo; la tri fotografaĵoj prezentas kompatindajn loĝantojn en ilia malriĉega meblaro, malsaniga ĉambro. „Savu la infanojn“ estas la devizo de tiu petskribaĵo.

En tiu science traktita temo restis kelkaj preseraroj kaj kelkaj iom strangaj vortoj aŭ esprimoj: ekzemple: „visavise“, „teko“ (litoteko, kial ne tegilo?), „disproporcio“ (malproporcio); la lango nur peze „solviĝas“ por priskribi . . .; la prezoj de „solida“ detalvendo“ . . .; k. t. p. — *G. S.*

**Esperanto Katalogo** No 1, eldonita de *Pola Esperanto-Servo*, Kordeckiego 1a, Bydgoszcz, Polio. 8 paĝa, 12×17 cm, prezaro de Esperantaj libroj, propagandiloj, ĵurnaloj, precipe polaj eldonaĵoj, aĉeteblaj ĉe la eldona oficejo.

**Ĉeĥa literaturo laŭ la birdperspektivo.** *Arne Novák*. Tradukis *Vinc. Kroužil*. Eldonis Barvič & Novotny, Brno, 58 paĝoj, 15½×23 cm. Prezo: ne montrita.

La XIIIa Kongreso en Praha naskigis multajn tradukojn el ĉeĥa lingvo; unu el la plej laŭdindaj laŭ celo deziras resume priskribi la tutan disvolvizon de l'ĉeĥa literaturo, klarigi la devenon de l' lingvo, citi la verkan gravecon de l' ĉefaj prozistoj kaj poetoj, montri la sinsekvon de l' diversaj skoloj.

Kolekto de tiaj skizoj pri ĉiuj mondaj literaturoj estus bonega laborilo por beletristikaj studentoj kaj utila informaro por ekkoni fremdajn verkarojn.

La studo de Novak estas tre teknike verkita; lia traduko certe ne estis facila laboro; kvankam stile korekta, ĝi estas iom penige legata pro la longeco, komplikeco kaj pezeco de l' frazoj kaj pro tro granda nombro de sciencaj vortoj kaj de neologismoj. Jen ekzemple kelkaj inter la plej riproĉeblaj el la lasta speco: „Dispozicio, epigono, egzegezo, elektikismo, evokacio, ikonoklasmo, iluminatoro, invekto, intriko (eble intrigo), panegiristo, polihistoro, postilo, ekzotika, gnoma (pri popolaj proverboj aŭ sentencoj), slavjanofila, manifesti sin, k. t. p., k. t. p.“ Kial uzi formojn: „Parisa (Pariza) Constancia (Konstanz)“; kiam „persono“ senhezite signifas viron, kial uzi pronomon „ĝi“? Eraraj laŭ gisnuna kutimo estas „sen“ antaŭ verbo, „deveni“ en senco de fariĝi, „droniĝi“, ĉar droni sufiĉas.

Malgraŭ kelkaj neplaĉaj punktoj, restas ke tiu sufiĉe detala historio de l' ĉeĥa literaturo trafas sian celon, ĉar ĝi taŭge diskonigas ties ĉefajn verkistojn. — *G. S.*

# Esperantista Literatura Asocio

*Novembra-Decembra raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Ĉe la granda eldonisto Hirt und Sohn, Leipzig, nun aperis la jam anoncita de ni libro de W. Lippmann: Dr. Zamenhofs sprachliche Gutachten (Lingvaj Respondoj) kaj „Tra la mondo“, internacia legolibro de Paul Bennemann, 1a parto. Nia kolego Eugen Wuester tradukis: „La kantistino“ de Vilhelmo Hauff (E. Ellersiek, Berlin S 59). Nova Esperanto-Biblioteko No 8. La verkoj de la talenta aŭtoro, tro frue (28-jara) mortinta en 1827 meritas esti eternigitaj per Esperanto.

La tri cititaj libroj sen kontrolo de E. L. A. eliris en la mondon, iliaj aŭtoroj sin sentis sufiĉe „selofirmaj“ sur la esperanta „pegazo“. Ni tion sincere aprobas; E. L. A. deziras fariĝi tute superflua! Kiam tia stato estos atingita, ni havos nur nepre perfektajn esperantistojn.

Ni havas la plezuron citi ankoraŭ kvaran verkon, ĝi estas la malgranda libro de J. Ŝapiro (Joŝo): „Babiladoj de Bonhumora Zamenhofano“. Rek. de E. L. A. Ĉiu vorto en la libreto estas amuza, la ŝercoj estas tre spritaj, krom tio ili estas esperantaĵoj, ĉiam trafaj, sed neniam ofendaj. Burleskaj bildetoj plialtigas la amuzon, kun ĉiama rideto oni legos la „Baliladojn“ (Bialystok, Polujo, Lipowa 33). El rusa lingvo J. Ŝapiro tradukis: „La diablo bonfaranta“ de J. Fzugov.

Prave niaj samideanoj opinias, ke libroj por infanaro kaj junularo estas necesaj.

S-ino A. Mexin aperigos libron: „Unuaj paŝoj“, la enhavo estos kunmetita el verkoj de la plej famaj aŭtoroj, kiel Fratoj Grimm, Hebbel, Hugo, Rousseau, Turgenjev, Tolstoj k. a. La libron eldonos la firmo „Edip“, dank' al la klopodoj de S-ino Mexin.

Tre fervora samideano, S-ro H. Janverk en Vazalemo (Est.) ĉefe klopodas por la infanoj. Ili ja ekzistas, ili aŭdas paroli pri Esperanto, mankas nur gajigaj, amuzaj libroj por ili. La „Bildo-tabuloj“ (Hirt u. Sohn) estas tre bonaj, ankaŭ „Struvelpetro“ estas tre taŭga, sed ili ne sufiĉas por la malgranduloj.

Por la iom pli matura junularo ni posedas bonegajn librojn, ekz.: „Robinson“; „La serĉado por la ora ŝaflano“; „Aventuroj de Alicio en mirlando“; „Guliver en Liliputlando“; „La virineto de maro“; „Elektitaj fabloj“ de La Fontaine; „Rakontoj pri feinoj“; „Sinjoro Vento kaj sinjorino Pluvo“; „Sub la neĝo“; „Paŭlo kaj Virginio“; „Elektitaj fabeloj“ de Grimm;“ „Princo Vanc“; „Vintraj fabeloj“ de Heinrich Seidel k. t. p.

Ĝis nun ĉefe la plenkreskuloj kun granda ĝojo legis ĉi tiujn bonajn librojn, espereble la tutmonda junularo ilin konos kaj ŝatos.

El Saratov, Ruslando, venis bona sciigo! La biblioteko de Georg Davidov ne perdiĝis, ĝi estas nun regna posedaĵo, je la dispono de nia samideano V. Polakov, Saratov, Ul. Respubliki 40, Esp. Biblioteko. S-ro Polakov havas la intencon, energie labori pri la bibliografia fako laŭ metoda maniero.

Nia nova kolego Adolf Halbedel intencas verki libron pri la esperantista literaturo. Feliĉe ni povas diri, ke tio estas granda entrepreno, nia literaturo ja ne estas rivereto, se rivero, ĉiam kreskanta per sennombraj alfluoj. Ni denove mencias la alvokon de nia dumviva membro Gustav Ziegler, kiu proponas energian helpon al la libra fako de nia movado. Neniu pli bone povas taksi la valoron de nia librotrezoro ol la *Esperantista Literatura Asocio*.

Aliĝis: S-ro Adolf Halbedel, jur., Graz, Aŭstrio, Schulgasse 24; S-ro Adalbert Smit, Law v. Pabststr. 107, Arnhem, Holando.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr 18.

---

*Esperanto kaj Enmigrado.* — Ĵus aperis Esperanta folio kun ĉiuj informoj necesaj al la personoj dezirantaj elmigri al Usono. Havebla kontraŭ unu respondkupono de la Lutera Enmigranta Societo. Pastro O. H. Restin, 208-E. 61st. Street, New York.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taugas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-Abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr.* — *Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr.* — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA. kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 200, 600, 1400;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *Kr. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 25, 65, 150;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 140, 380, 800;* **Jugoslavio:** *Kr. 60, 150, 340;* **Italio:** *L. 14, 35, 70;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14.* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur de jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 125; Hungario: Kr. 90; Polio: Mk. 300. Ili ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Administra jaro 1922.** — Ni sendis al ĉiuj Delegitoj la Oficialan Bultenon, kiu informas ilin pri la farotaj laboroj. Delegitoj, kiuj ne ricevis ĝin, bonvolu ĝin peti de ni. Al la Bulteno estas aldonitaj membrolistoj kaj aliĝiloj konforme al la nombro de la lokaj membroj notita krajone sur la koverto.

**La membroj bonvolu atenti, ke:**

Ili rajtas enskribi sin en la interrilata adresaro de la nova jarlibro, kondiĉe ke ili pagas la kotizon ĝis 31 januaro 1922 kaj sendas ĝis tiu dato al la C. O. la specialan formulon, kiun donos al ili la Delegito. Tempolimo por ekstereŭropanoj: fino de februaro. — Kiu partoprenas je tiu senpaga servo, devigas sin respondi almenaŭ unu fojon al ĉiu demando. Ricevinte plendojn pri malakurateco de la korespondantoj, la Ĝen. Sekretario publikigos estonte la nomojn de la membroj, kiuj ne plenumis sian promeson.

Dum tiu vintro okazos la ĝenerala elekto de ĉiuj Delegitoj kaj Vicdelegitoj. Delegitoj en lokoj kun malpli ol 10 membroj estos elektataj de la Ĝen. Sekretario. En lokoj kun minimume 10 membroj la Delegito okazigos specialan elektkunvenon. Entute UEA postulas malmulte de siaj anoj, ni esperas do, ke tiun maloftan fojon ĉiu membro, kiu povos, partoprenos la kunvenon. La elekto de la Delegitoj estas tre grava, ĉar dum la venontaj tri jaroj estos submetataj al ili problemoj, kiuj forte influos la sorton de nia Asocio.

**Kotizoj.** — La oficialaj prezoj laŭ svisaj frankoj restas senŝanĝaj. Ne rekomendiĝis okazigi voĉdonadon por ilin ŝanĝi konforme al la statuto, ankaŭ ne estus prudente riski la perdon de membroj el landoj, kies monvaloro proksimume egalas la svisan. La granda deficito de UEA, pri kiu ni raportis dum la Kongreso en Praha, estas ĉefe kaŭzata de la nesufiĉaj pagoj el la multaj landoj kun malbona kurzo. Por haltigi la minacantan foruzon de nia tuta kapitalo, la Komisiono de UEA vidis sin devigata iom alproksimigi la naciajn favorprezojn al la realeco. „Favoraj" por la malriĉaj landoj ili tamen restis; anstataŭ je la 5 Fr., je kiuj UEA rajtas, ĝi kontentigas sin por vico de 9 landoj je 1.98 ĝis 0.50 Fr., kaj favorigas la Membro-Abonantojn el tiuj landoj je prezoj inter 5.40 ĝis 1.50 Fr. laŭ nuna kurzo. Ĉar ne estas eble liveri la gazeton kvazaŭ senpage, la minimumo por Membro-Abonantoj estas proporcie iom pli alta ol tiu por la Membroj. Nia penado, atenti ĉiujn cirkonstancojn, vidiĝas ankaŭ el la provizora aranĝo de membroklaso sen jarlibro, por ke la Aŭstrianoj, Hungaroj kaj Poloj povu resti en nia anaro kontraŭ malalta elspezo. Por ke ne suferu la eldoncifero de la jarlibro, ni ne povas akcepti Helpmembrojn el aliaj landoj. La novaj prezoj troviĝas je la komenco de la oficiala parto. Montrinte maksimuman cedemon, ni deklaras ilin provizoraj en tiu senco, ke okaze de plia falo de la kurzoj aŭ de eksterordinaraj cirkonstancoj ni plialtigos ilin tuj per konatigo en la gazeto.

Ni tre petas la membrojn pripensi la seriozecon de la situacio kaj plurfoje heziti antaŭ ol ili rifuzos la repagon. La neceseco de UEA por la movado estas fakto konstatita eĉ de neesperantistoj; ĝia bezono je rimedoj klariĝas el la cirkonstancoj, do la situacio kun siaj eblaj sekvoj estas klara. Ĉiuj membroj restu fidelaj dum la krizaj jaroj, kaj, alkondukante novajn interesulojn, helpu progresigi nian karan aferon.

**Abonoj kaj anoncoj.** — La jara abono al „Esperanto" kostas por ne-membroj, grupoj, k. t. p. 10.— Fr. Svisaj kaj povas esti komencata ĉiun monaton.

Reklama anonco kostas 2.— Fr., po 1 cm da alteco kun kutimaj literoj. Naciaj favorprezoj por abonoj kaj reklamoj:

Aŭstrio: Kr. 1000, 200; Baltaj Ŝtatoj: G. Mk. 65, 25; Belgio: Fr. 20, 4; Britio: Ŝ 10, 2; Bulgario: L 80, 25; Ĉeĥoslovakio: Kr. 65, 25; Danio: Kr. 10, 2; Finnlando: Mk. 60, 10; Francio: Fr. 20, 4; Germanio: Mk. 65, 25; Hispanio: P. 12, 2.50; Hungario: Kr. 380, 100; Jugoslavio: Kr. 150, 20; Italio: L. 35, 6; Nederlando: G. 6, 1.20; Norvegio: Kr. 12, 2.50; Polio: Mk. 1500, 400; Rumanio: Kr. 75, 16; Svedio: Kr. 8, 1.60; Svisio: Fr. 10, 2; Usono: D. 2, 0.40.

La prezoj de la anoncetoj por „Korespondado" kaj „Petoj kaj Proponoj" troviĝas sub la koncerna titolo. Neniu rabato por plurfoja aperado.

Anoncoj kaj reklamoj estas presataj laŭ la disponebla loko, ni do ne povas garantii la aperon en certa numero.

**Pagoj.** — La kotizojn oni pagu al la Delegito, kaj nur, se ne estas, oni sendu ilin al la C. O. Mendojn kaj pagojn por la gazeto oni sendu senpere. Plej simple por la pli multaj landoj montriĝis la sendo de bankbiletoj aŭ de ĉeko en rekomendita letero. Bonvolu prefere uzi ĉi tiun sistemon. Poŝtmandatojn oni sendu nur el ŝtatoj kun alta monkurzo, kiel Danio, Britio, Nederlando, Norvegio, Svedio, Kanado, Usono kaj Japanio. La ĝisnunan sistemon de pagado al perantoj oni sole daŭrigu el Hungario, Jugoslavio kaj Rumanio. Adresoj: Hungario: S-ro P. Balkanyi, Hajos-u. 15/II, Budapest VII. Jugoslavio: S-ro I. Krepelka, Bourne & Co, Maruliceva ul. 5/II, Zagreb. Rumanio: S-ro A. Cseh, Calea Victoriei 129, Cluj.

**Jarlibro 1922.** — Por ke la Jarlibro povu esti eldonata ĝustatempe, ni tre petas sendi al ni ĉiujn informojn por la interrilata adresaro, nomojn de Entreprenoj, anoncojn, korektojn kaj aliajn sciigojn ĝis 31 januaro. (Ekstereŭropanoj ĝis fino de februaro).

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum oktobro 1921: Ricevitaj: 820 — Forsenditaj: 689. — Tuta sumo: 1059. (Antaŭa monato: 1140).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Annecy* (Francio, Haute-Savoie). — D.: S-ro Ch. Dannemuller, 14, r. Royale.
*Belleville* (Usono, Jersey). — D.: S-ro F. Breth, c/o L. Sonneborn Sons, Hancox Ave.
*Bergen-op-Zoom* (Nederlando, Noord Brabant). — D.: S-ro J. V. Holleman, fervojisto, Williamstraat 8.

*Bottrop* (Germanio, Westfalio). — D.: S-ro A. Strauch, Mühlenstr. 13.
*Burgas* (Bulgario). — D.: S-ro D. K. Červenakov, komercisto.
*Cicero* (Usono, Illinois). — D.: S-ro J. H. Pearson, 2711 S. 61st Ave.
*Delphos* (Usono, Ohio). — D.: S-ro J. E. Fast, librotenisto, 5th St.
*Honef* (Germanio, Rhein). — D.: S-ro Emil Rick, Friedrichstr. 5.
*Jakobŝtadt* (Letlando). — D.: S-ro H. G. Behning, Jekabmiests, Maza Lauku eela I.
*Jambol* (Bulgario). — D.: S-ro Penko Petrov, asekuristo.
*Jaslo* (Polio). — D.: S-ro Salo Kornfeld.
*Kartuzy* (Polio, Pomeranio). — D.: S-ro F. Sielke, ul. Gdanska 23.
*Kioto* (Japanio). — D.: S-ro Hideo Yagi, Medicina Fakultato, Imperia Universitato.
*Leesville* (Usono, Louisiana). — D.: S-ro G. P. Ferree, Llano Cooperative Colony.
*Ludosul de Mures* (Rumanio, Transsilvan.). — D.: S-ro Endre Allesz, bankhivaltalnak.
*Mâcon* (Francio, Saône-et-Loire). — D.: S-ro A. Martin, 43bis, r. de Placé. — VD.: S-ro P. Beau, 86, r. de Lyon.
*Makassar* (Insulo Celebes, Oceanio). — D.: S-ro R. W. F. Kyftenbelt, pastro.
*Mezőcsat* (Hungario). — D.: S-ro D-ro Lajos György Nagy, ügyved.
*Miedzyrzec* (Polio) — D.: S-ro Herman Brukarz, librotenisto, Staromiejska 40.
*Moskva* (Rusio). — D.: S-ro St. Szabuniewicz, Poŝtkesto 663.
*Offenbach a. M.* (Germanio). — D.: S-ro P-ro D-ro Büttner, Beumenstr. 13.
*Pecs* (Hungario). — D.: S-ro D-ro I. Balla, juristo, Siklosi 21.
*Pinhal* (Portugalio). — D.: S-ro M Pereira da Costa, leŭtenanto.
*Poix* (Francio, Somme). — D.: S-ro Louis Bouvier, farmaciisto.
*Poreba* (Polio). — D.: S-ro P. Kosko, „Tow Akz. Poreba".
*Reims* (Francio, Marne). — D.: S-ro R. Peltier, 4, r. de Trianon.
*Soissons* (Francio, Aisne). — D.: S-ro Louis Thomas, inĝeniero, Foyer civil.
*Starkoc* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro J. Prokop, Nadraŝi.
*Sydney* (Aŭstralio, N. S. W.). — D.: S-ro A. A. Laird, Daking House, Rawson Racl. — VD.: F-ino Leslie Pfahl, „Edna" Clissold Parade, Campsi.
*Torrensville* (S. Aŭstralio) — D.: S-ro W. L. Waterman, 26, Henley Street.
*Vazalemo* (Estonio). — D.: S-ro Helmuth Janverk, komercisto.
*Veszprem* (Hungario). — D.: S-ro Akos Bucsy, Var 24. — VD.: F-ino I. Fehrentheil, Jeruzsalem u. 6.
*Wlodawa* (Polio). — D.: S-ro A. Czermak, inspektor skarbu.
*Zolkiew* (Polio, Galicio). — D.: S-ro Emanuel Hay, asekuristo.

### Ŝanĝoj.

*Czestochowa* (Polio, Piotrkow). — D.: S-ro E. J. Grygosinski, ul. Dabrowski 5a. — VD.: S-ro St. Szumacher, ul. Dabrowski 5a
*Freiburg i. Br.* (Germanio). — VD.: S-ro D-ro B-no E. D. von Eickstedt, Maximilianstr. 12.
*Genève* (Svisio). — D.: S-ro P. Bouvier, 14, Bd. des Tranchées. — VD.: F-ino A. Diekmann, 66, rue de Lyon.
*Gisborne* (Aŭstralio). — D.: S-ro W. MacPherson, librotenisto.
*Huesca* (Hispanio). — D.: S-ro J. Artigas, Lanuza 25.
*Palma de Mallorca* (Hispanio). — D.: S-ro J. Barcelo, leŭtenanto.
*Stockholm* (Svedio). — D.: S-ro H. Halldor, Helsingegatan 9. — VD.: S-ro Ad. Larsson, Dalagatan 33/IV.
*Strehlitz*, Gross (Germanio, Ober-Schlesien). — D.: S-ro Fr. Drewniak, Krakauerstr. 52b.
*Tallinn* (Estonio). — VD.: S-ro H. Sakaria, librotenisto, Vene t 12- 6.
*Troyes* (Francio, Aube). — D.: S-ro H. Debarry, 16, r. Gallet Ste-Savine.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

### Adresŝanĝoj.

*Compiègne* (Francio). — D.: S-ro P. Lécuru, 7, r. du Petit-Canal.
*Krakow* (Polio). — D.: S-ro St. Rudnicki, Debniki.
*Leipzig* (Germanio). — D.: S-ro B. Kötz, Eilenburgerstr. 49.
*Västerås* (Svedio). — D.: S-ro O. N. Ihrborn, Borgmästarevreden C. 4.
*Verona* (Italio). — D.: S-ro A. Vaona, S. Egidio 4—6.
*Zürich* (Svisio). — D.: S-ro E. Müller, Büchnerstr. 19.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Baugé* (Francio); *Eccles* (Anglio); *Bad Ems* (Germanio); *Oosterbeek* (Nederlando); *Rochefort* (Belgio); *Salzuflen* (Germanio); *Soerabaia* (Java); *Szombathely* (Hungario); *Tegal* (Java); *Urbana* (Illinois).

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

.·. S-ro *Giovanni Ragusin* sur ŝipo „Leopolis" kore dankas S-ron M. Milčev, Del. en Varna (Bulgario) pro lia bona akcepto kaj faritaj servoj.

.·. S-ro *Salo Kornfeld*, Jaslo (Pollando), dankas tutkore al Del. Leon Belhoste el Paris pro la rapide plenumita servo.

.·. S-ro *Walter Lippmann*, Del. en Zwenkau, kore dankas al la aminda, fervora, malegoista Del. de Dresden, S-ino Camilla Fürth, kiu faris por li malfacilan servon tre gravan, per kio li ŝparis multon da zorgo, peno, tempo kaj mono.

.·. S-ro *M. Genermont*, Komitatano en Moulins, ne povante al ĉiu individue respondi, kore dankas la afablajn samideanojn, kiuj skribis al li okaze de la karavano al Praha, kiun li havis plezuron organizi kun S-ro Poncet, sed kiun, bedaŭrinde, li ne povis, pro profesia laborego, konduki al la kongresan ĉefurbon. Li estis tre kortuŝita per tiuj esprimoj de simpatia samideaneco.

.·. S-ro *M. Genermont*, arĥitekto, Komitatano, en Moulins (Francio) kore dankas S-on F. Toussaint-Mende, inĝeniero, Del. en Alger, pro afabla helpo kaj grava servo en profesiaj aferoj.

.·. S-ro *Jäger*, VD. en Pisa, kore dankas S-rojn Hirzel, Del. en Zürich; Huber, Del. en Luzern; Bolliger, Del. en Bern; Jaquillard, Del. en Lausanne; kaj ĉiujn aliajn gesamideanojn el tiuj urboj kaj el Ĝenevo, kiuj, okaze de lia rondvojaĝo tra Svisio, ĉiamaniere helpis lin.

.·. S-ino *Marg. Iv. Krestanoff* kaj ŝiaj du akompanantoj en Dresden tre kore dankas al S-roj D-ro Sós kaj R. F. Cech en Vieno, kies plej afabla helpo ebligis la daŭrigon de ilia vojaĝo de Oriento al Dresden.

.·. S-roj *Pyke* kaj *Rawson* el Aŭstralio post longa vojaĝo tra tuta Eŭropo kore dankas la Delegitojn, kiuj helpis ilin. Ĉiam kaj ĉie ili trovis amikojn, kaj la vojaĝo sukcese efektiviĝis dank' al Esperanto, la sola lingvo, kiun ili scias plie de la angla.

.·. S-ro *M. Milčev* en Varna (Bulgario) esprimas sian sinceran dankon al la Del. S-ro Migliorini en Roma kaj F-ino Helmi Drezen en Tallinn (Estonio) pro afable kaj rapide plenumitaj servoj.

.·. Reveninte de mia rondvojaĝo tra Germanujo; vizitinte i. a. Bremen, Hamburg, Berlin, Dresden, Leipzig, Magdeburg, Hannover kaj Köln, mi dankas tutkore ĉiujn Del. kaj gesamideanojn, kiuj estis al mi tiom bonvolaj. *A. Smit.*

.·. *Familio Alschwang* en Lausanne kore dankas S-ron Loreček, Del. kaj ĉiujn Esp-istojn en Holešov (Moravio) pro ilia afabla akcepto.

.·. S-ro *D-ro Frh. v. Eickstedt* el Freiburg i. Br. kore dankas S-rojn Komandanto Prof. A. Alessio, VD. en Padova, S-ron G. Marchetti, Del. en Trento, S-ron G. Saggiori, S-ron A. Vaona, Del. en Verona, Prof. F. Vianello, VD. en Venezia, S-ron Bederlunger en Innsbruck, S-ron G. Costisello en Rovereto, S-ron A. Crestoni en Legnago, S-ron C. Grazzini en Firenze, S-ron D-ron A. Mondini en Rovereto, pro afablaj informoj aŭ helpo dum vojaĝo

.·. S-ro *Boris Ivantchef*, Del. de UEA, tutkore dankas S-ron Otto Simon, profesoro, Wien, pro afable plenumita servo.

.·. S-ro *A. Ferrer* el Barcelona dankas S-rojn Cresp kaj Richard, Del. kaj VD. en Cannes, la C. O. de UEA, S-ron Roncati, Del. en Nice pro plenumita servo. Li dankas S-ron M. Maynar, Del. en Zaragoza, J. Artigas, VD. en Huesca, S-ron A Pino en Valencia, S-ron F. Manez, D. en Cheste kaj la samideanojn de tiuj urboj pro afabla akcepto.

.·. S-ro *J. M. de Villa*, VD. en Habana (Kubo), kaj lia edzino kore dankas S-rojn Schön, Wohlstadt, Senff, Hoffmeister, Del., kaj F-inon Arlt el Hamburg, S-ron Van Aelst, VD. en Bruxelles kaj lia edzino, la samideanojn de Praha, S-roj H. Steinhauer, VD. en Wien, F-inon C. Staudner, S-rojn Jacobsen kaj Lipphart en Wien pro ilia afabla helpo dum vojaĝo.

## Pri la Blinduloj

El 28 diversaj landoj, 623 ricevantoj de la oktobra numero de „Esperanta Ligilo" plenkore dankas D-ron Privat por lia aminda ĉefartikolo en „Esperanto" kaj por liaj belaj vortoj pri nia afero en la Praha Kongreso!

Por ke oni komprenu, kian grandan familian rondon ni senvidaj Esperantistoj jam fariĝas, mi diros po kiom da ekzempleroj „Esperanta Ligilo" ĉiumonate eniras la diversajn landojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Argentino | 2 | Hispanio | 37 |
| Aŭstralio | 10 | Hungario | 32 |
| Aŭstrio | 40 | Italio | 28 |
| Belgio | 16 | Japanio | 13 |
| Brazilio | 1 | Jugoslavio | 1 |
| Bulgario | 18 | Kanado | 1 |
| Cuba | 1 | Meksiko | 13 |
| Ĉeĥoslovakio | 35 | Nederlando | 5 |
| Danio | 20 | Norvegio | 20 |
| Finlando | 34 | Polio | 12 |
| Francio | 36 | Rumanio | 2 |
| Germanio | 103 | Svedio | 50 |
| Granda Britio | 63 | Svisio | 9 |
| Guadeloupe | 1 | Usono | 20 |

Ni petas al ĉiuj, kiuj posedas la 1921-an Jarlibron de UEA, ke ili aldonu al la listo de blindaj konsuloj sur paĝo 30 la adresojn de du novaj konsuloj:

S-ro W. A. P. Creman, Bosboom, Toussaintstraat 6, Amsterdam (Nederlando).
S-ro W. Stachowiak, ul. Warszawska 14, dom. Przedni (Polio).

La adreso de la Usona konsulo devus skribiĝi:
S-ro E. Middleton, Greenfield, Illinois.

Koregajn dankojn mi ŝuldas al la sekvantaj donacintoj, kies subteno ŝajnas esti rekta respondo al la peto de nia kara D-ro P.:

| | | | |
|---|---|---|---|
| S-ro Stettler | £1 | S-ro J. P. de Bruin | £0-7-0 |
| D-ro Privat | £1 | S-ino Lucy E. Waddy | £0-5-0 |
| F-ino A. M. Swan | £1 | F-ino L. Holden | £0-10-0 |
| S-ino Moscheles | £0-10-0 | S-ro E. M. Rumsey (Usono) | £2-8-9 |
| Burnley Esp. Soc. | £2 | S-ro W. H. Garbutt | £0-10-6 |
| S-ro C. Charvolin | £0-4-2 | Sr-ro W. K Stacy | £1-1-0 |
| S-ro Richard Sharpe | £2-2-0 | S-ro Lindas Alseika | 100 markoj Germanaj |
| S-ro W. Phillimore | £0-10-0 | S-ro E. J. Bengough (Kanado) | 3 dolaroj |

Krom tiuj, estas aliaj donacoj, kiuj alvenis pli aŭ malpli pro la influo de „Esperanto", tiaj, kiaj la donacoj de la anoj de la Manchester-a grupo, per D-ro C. Webster Williams (£4-6-0), kiu alie kolektis £12-13-0, kaj la rezultato de la Praha kolektado, kiu atingis £9-13-10

Entute mi havas £60 por komenci la jaron 1922. La plej granda elspezo okazos en januaro, kiam ni devas aĉeti pogrande la paperon necesan por la dumjara vivo de nia kara „Ligilo". Ni tute ne estas kapitaluloj! Kiu do donacas frue, donacas duoble!

*W. Percy Merrick*, Woodleigh, Shepperton (Anglio).

## Kiel korespondi kun Ruslando?

Kelkaj membroj petis de ni kiel korespondado estas ebla kun Rusio. Jen kion ni scias pri tiu temo.

Kelkaj landoj kiel Svislando akceptas sen respondeco nerekomenditajn leterojn. La rezultatoj estas preskaŭ neaj kaj prefere estas sendi leterojn pere de lando kun kiu regula servo ekzistas: Britio, Germanio, Baltaj Ŝtatoj Niaj konataj delegitoj F-ino Helmi Drezen, Weike Brookus mägi 4-2, Tallinn (Estonio) kaj S-ro Eduard Tamm, Metsa tän 23, Nömme (Estonio), jam plurfoje anoncis, ke ili estas pretaj transsendi korespondaĵojn. Ni tre rekomendas *ne trouzi* ilian afablecon kaj *ne forgesi* la aldonon de poŝtafranko por la sendo kaj la respondo.

.·. **Grafologia esploro** de manskribo estas bela arto, kiun praktikas diversaj samideanoj, ili ĝojos pri viaj malbelaj manuskriptoj kaj kontraŭ kompenso sendos portretojn de via sendube tre interesa karaktero.

La C. O. de UEA ne havas tiajn ambiciojn. Ĝi juĝas la korespondantojn laŭ ilia ordemo, malaŭdante la fuŝulojn, kiuj forŝtelas ĝian tempon per nelegeblaj nomoj kaj adresoj. Sekve ŝparu vian originalecon por la specialistoj. Al ni skribu kiel infano, pentrante la literojn, kaj vi meritos nian dankon.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *E. Scheurer,* Del. en Lyss (Svislando), naskiĝis filo nomita Max Willfried.

Al Ges-roj *Frans Schoofs,* Del. en Antwerpen, naskiĝis filo nomita Leon.

Al Ges-roj *J. Fousek* en Přelouč, naskiĝis filino nomita Eva.

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Emma Crisinel,* VD. en Chaux-de-Fonds, kun S-ro *Wilhelm Bründler.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Théodore Audisio,* Del. en Antibes, kun F-ino *Eugénie Zanetti.*

S-ro *Alois Zednik* kun F-ino *S. Začkova* en Praha.

S-ro *Henryk Grau* en Lodz kun F-ino *Nina Hermelòwna,* en Pabianice.

**Jubileo.** — Prof. D-ro *Wladimir Köppen* en Hamburg, fama sciencisto, defendanto de Esperanto en scienculaj rondoj fariĝis 75-jara. Sincerajn gratulojn kaj bondezirojn ni sendas al li.

**Honorigo.** — Nia agema membro, S-ro *Giovanni Misinato* en Venezia, ricevis la titolon de D-ro en kuracarto. Ni lin kore gratulas.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Enrico Bignami** mortis en Lugano 77-jara. Li estis fondinto de la internacia revuo „Coenobium", kiu dum la mondmilito restis rifuĝejo por la intelekta sendependeco kaj por la pasio al justeco kaj vero. Li estis amiko de Esperanto kaj aperigis plurajn pripacajn artikolojn de Hector Hodler.

**F-ino M. B. Ingram** el Edinburgh. Ŝi multe laboris por Esperanto dum la milito.

**Leon Van Peteghem,** prezidinto de la Grupo de Mechelen (Belgio).

**D-ro Vito Romita** el Modugno (Italia) entuziasma esperantisto.

**Fritz Roy,** prezidinto de la Grupo de Ems, mortis pro apopleksio.

**D-ro Henri Soulier,** honora profesoro de la medicina Fakultato en Lyon, honora membro de la Esp. Gr. de Lyon, dumviva membro de UEA.

**John Wilson,** Delegito en Leek. Li estis esperantisto de 1908, kaj transskribis en Braille-reliefoj kelkajn esperantistajn librojn. Li publikigis tradukojn en „Eklezia Revuo". Li estis fervora esperantisto kaj fidela ano de nia Asocio.

**Adam Zakrzewski.** — La varsoviaj esperantistoj denove funebras: unu el niaj unuaj pioniroj ne plu vivas. Adam Zakrzewski mortis 65-jara la 1-an de novembro en Varsovio sekve de akcidento. Trairante straton li estis premegita de veturilo, kiu rompis al li kruron.

Li naskiĝis en 1856 en Podolio kaj finis siajn studojn en Peterburgo. Li estis konata kiel pola statistikisto, antropologo kaj etnografo. Liaj sciencaj verkoj estas tre ŝatataj.

Al ni li ankaŭ multon postlasis. Li verkis la plej ampleksan pure sciencan Historion de la Lingvo Internacia en pola lingvo (1905). Plenan Gramatikon por Poloj (1909). Esp. Polan kaj Esp. Litovan bibliografion (1912), gravan traktadon pri „Transskribo de propraj nomoj" (oficiala Gazeto 1909).

Laste ni citu lian plej gravan verkon: Historio de Esperanto" (1913). Li estis ano de la Lingva Komitato. — *S. K.*

**S-ino Bertha Kurz,** edzino de nia samideano Max Kurz en Vel. Bečkerek (Jugoslavio).

**Nalka Stojan Marev,** 2 ½-jara filino de nia Delegito en Ĉepelare (Bulgario).




Gvidanto:

*Fr. Hájek,* Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

*Kelkaj rimarkoj pri la funkcio de la figuroj*

La *kuro* estas la povo de la figuro movi ĉiudirekte laŭ sia kompetento.

La *movo* estas la ŝanĝo de loko de la figuro laŭ ĝia kurpovo.

La kuro de la Reĝo, Ĉevalo kaj Peono estas aŭ simpla *paŝado* (R P), aŭ la *saltado* (R Ĉ).

La Damo, Turo kaj Kuriero estas figuroj *linikuraj.*

Movante sin, la linikura figuro trapasas *vojon* similan al linio. Ĉi tiu vojo estas ĉu *libera,* ĉu *barita* per alia figuro.

La problemarto uzas la *movon liberigan* ĉiam nur koncerne la kampon, t. e. figuro forlasanta la kampon liberigas ĝin. Okaze se temas pri la vojo de linikura figuro, oni parolas pri *movo porvojiga* aŭ pri la *trakurebligado de la vojo.*

Modelan movon porvojigan oni vidas en nia probl. N-ro 18. Ĝin ekzamenante, oni baldaŭ trovas, ke estas necese mati per la Damo sur la 7-a linio se la nigra R ne ŝanĝas la lokon, aŭ sur la punkto c 6, se la nigra R okupus la kampojn apud la blanka T. Sed la R povas ankaŭ movi sur a 7, penante liberigi sian Kurieron, kiu poste malhelpus la trimovan matigon. Ĉi tion oni devas malebligi al la Nigro, fiksante la Kurieron per la Damo sur la turkolono. Poste, kiam la Reĝo estos reveninta al kampo b 7, oni matos per la D en la 7-a vico, movante la D diagonale en la supran dekstran angulon. Kaj tiu ĉi movo postulas, ke la vojo de la Damo estu senbarigata.

**Problemo N-ro 18**
*H. Meyer*
(Rheinisches T., 1864)




Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 19**
*W. v. Holzhausen*
(D. Wochenschach, 1908)




Blanko matas per la 3-a movo.

Problemo 19 enhavas bele esprimitan ideon: *ĉaso je la krizpunktoj.* Oni vidas, ke pro la ekzisto de la nigra D estas necese tuj minaci per la mato, kaj tio estas eble nur per la Ĉ sur h 3. Ĉitiun kampon devas defendi la D; nun movas la T tiom profite, ke al la D ne estas plu eble samtempe influi la ambaŭ punktojn e 2 kaj h 3, kiuj *kriziĝas.* La kvalito de la problemo estas la ebla granda agadkampo de la blanka T en la direktoj linia kaj kolona — kaj do, sole du movoj estas fareblaj!

Niaj ambaŭ ekzemploj prezentas simple, preskaŭ tute nude, specon da ideoj kulturigataj de la modernaj problemistoj.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 16. 1. D g 2 — b 2. N-ro 17. 1. D g 7 — h 8.

*Jenaj Samideanoj ĝuste solvis probl. N-ro 14 kaj 15:* H. Etzerodt, Hammel (Dan.); H. T. Bailey, London; Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.); O. Ganster, Salzburg (Aŭstr.); T. Mizera kaj J. Beller, Ĉ. Budějovice (Ĉeĥ.); M. Esteban, Madrid (Hisp.).

